# LITERATURA MONDO




REDAKTA KOMITATO: JULIO BAGHY. PAULO BALKÁNYI. KARLO BODÓ. KOLOMANO DE KALOCSAY. P. DE LENGYEL. DR° V. TÓTH. P. VARSÁNYI

FEBRUARO 1925  IV. JARO 2. NO.

ELDONAS: HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, EÖTVÖS-U. 3.

PREZO: 12 MIL HUNGARAJ KRONOJ

# AL LA LEGANTOJ

Antaŭ ĉio ni ĝoje salutas la fakton ke en Hungarujo la nombro de la venditaj ekzempleroj atingis la ciferon 100, do preskaŭ la kvaronon de la ekzempleroj venditaj en la tuta mondo. Vi vidas, ke la revuo ne estas farata speciale por hungaroj, ankaŭ la riĉeco en nia lando ne estas tia ke oni ne povus paroli pri vera mizero. Sed propagandon, kompreneble, ni povas fari pli facile kaj efike en nia proksimo ol en aliaj landoj.

Ĉi tio estas nia konsolo. Se en Hungarujo ni havas cent abonantojn, do, proporcie, en la tuta mondo ni devus havi *minimume* 2000. La nuna nombro vere ŝajnas malbona songô, ĝi estas ia terura malkompreno, nekomprenebla strangaĵo, sed io, pri kio oni nepre *povas helpi.*

Kaj oni *devas* helpi. Eĉ en la plej malriĉa lando povas oferi la abonsumon ĉiu *grupo,* ĉiu *societo,* aŭ du-tri esperantistoj *kune.* Kaj neniu diru ke la revuo ne plaĉas al li. Konstante donaci ni ja ne povas, nun la esperantistaro havas kaj havos tian literaturan revuon, kian li proksimume elmeritas per sia subteno. Oni do prokrastu iom la severan kritikon, abonu, kunlaboru, propagandu, atendante ĝis ni havos la *nepre haveblajn* dumil abonantojn. Kaj *tiam* oni kritiku, se oni trovos ion kritikeblan.

Ĝis tiam ni laboros laŭeble; kaj pacience ni miros pri la ciferoj de l' ĉi suba tabelo kaj pri tio, ke povas troviĝi konscia kaj entuziasma esperantisto, por kiu ne estas grava kor-afero ke en Esperantujo ekzistu inda literatura revuo.

LA REDAKTA KOMITATO.

## NOMBRO DE ABONANTOJ LAŬ LANDOJ

| | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: | 4 (20) | Danujo: | 2 | Hispanujo: | 30 | Latvujo: | 6 (4) | Polujo: | 17 (4) |
| Aŭstralio: | 2 | Estonujo: | 9 (10) | Hungarujo: | 39 (70) | Litovujo: | 13 | Rusujo: | 1 |
| Belgujo: | 1 | Finnlando: | 1 (3) | Italujo: | 7 | Meksikujo: | — | Rumanujo: | (5) |
| Britujo: | 13 (8) | Francujo: | 13 (7) | Japanujo: | 7 | Nederlando: | 1 (4) | Svedujo: | 4 |
| Bulgarujo: | 18 | Germanujo: | 11 (8) | Jugoslavio: | 2 (40) | Norvegujo: | 2 | Svisujo: | 8 |
| Ĉeĥoslovakio: | 3 (38) | Hindujo: | 1 | Kosta-Riko: | 1 | Persujo: | 1 | Usono: | 5 |
| Ĉinujo: | — | | | | | | | Sume: | 222 (222) |

PARENTEZE: OPE VENDITAJ

# MALJUNULO

BOHDAN LEPKYJ

— Pardonu, pastra moŝto!

— Kio okazis?

— Al malsanulo. La homo atendas...

— Al malsanulo, al malsanulo — ripetis la pastro, frotante siajn dormemajn okulojn.

— Li iru al la preĝeja servisto, por ke tiu malfermu la preĝejon kaj ĉion necesan preparu!

La servistino fermis la pordon kaj estis aŭdeble, ke en la kuirejo ŝi ripetis la pastrajn vortojn.

La pastro turnis sin en la lito kaj levis la malsuprenfalintan litkovrilon.

— Al malsanulo. Ha, kion fari! Mia devo iri. Kaj ĉi tie tiel bone dormi...

Neniam la sonĝo ŝajnas tiel bongusta, kiel se oni malhelpas nin dormi...

Dolĉe rekovris palpebroj la dormemajn okulojn, la penso pri la malsanulo rememorigis sonorilojn kaj dum la impreso de ilia obtuza, malproksima sonorado, la pastro ekdormis denove.

— Mi petas vian moŝton, pastra moŝto!

— Kio okazis?

— La servisto jam foriris preĝejon. Li atendas.

— Atendas? Diru ke mi jam iras.

Post mallonga horo iris el la preĝejo du personoj survoje al la vilaĝo. Ili dronadis en la maro de blanka nebulo kaj preskaŭ ne vidis unu la alian, tiel ke la pasantoj genufleksadis nur laŭ la sonorileto, kiel decas genufleksi, se pastro iras kun Sinjoro Dio.

Ekstere estis aŭtuna frosteto; la vilaĝa, kvazaŭ pasto en pastujo, kirlita koto, glaciiĝis kaj brilis per malpuraj kristaloj. Sub la piedoj ĝi rompiĝis kaj ete krakadis. La pastro eksentis malvarmon kaj rapidis, ankaŭ la servisto rapidis kaj post ĉiu tria-kvara paŝo sonorigis. Tiamaniere trapasinte longegan vojon, ili haltis post la lernejo, apud la puto.

— Jen, tie ĉi! — aŭdiĝis la servisto.

— Ĉi tie? — respondis la pastro kaj malfermis pordon. Mirigis lin, ke en la korto estis tute silente.

Neniu venis ilin saluti, ne ĉeestis najbaroj, familianoj kaj vilaĝaj gekuracistoj.

— Ĉu, eble ne ĉi tie? ekdemandis la pastro la serviston.

— Ne, akurate tie ĉi, la maljuna Grinculo malsanas. Mi ja scias.

— Nu, se jes, do ni iru! — Kaj ili eniris la kabanon. En la kabano mallaŭto. Eĉ ne unu homo. Nur la litaĵo estas malkovrita, sed malsanulo forestas.

— Hej, ĉu estas iu? — ekkriis la servisto, enrigardante en kuirejon, provizejon kaj gastoĉambron. Neniu respondis, nur la kokoj aŭdiĝis en la mansardo.

— Nenion fari. Ni atendu... — li sidiĝis sur benkon kaj atendis.

Intertempe ekbrilis la suno kaj la nebulo supreniĝis ĝis la tegmentoj. Ili sidas kaj atendas, subite ekstere ili ekaŭdas ian krion: Acjú! Acjú!

Ili eliris sur la sojlon. Maljuna avo, nudpieda, taŭzhara, postkuris la nutratajn porkojn kaj klopodis perforte ilin konvinki, aŭ emigi, eniri en porkejon. Sed la nutratoj kvazaŭ primokis la senforton kaj mallertecon de la maljunulo, kuradis tra la tuta korto kaj ŝajne forte emis viziti la ĝardenon, kiu estis barita per malalta barilo kaj pordeto el branĉetaro.

— Acjú! Acjú! — kriis la maljunulo, balancante la malgrasajn piedojn, — al la porkejo!

La pastro rigardis momenton, sed poste ekkoleris. — Kaj kion do vi pensas! Vi min alvokas, ellitigas, ne sciate kial kaj por kio! Kiu ĉe vi malsanas?

La maljunulo ekrigardis la pastron kaj jesis per la kapo.

— Jes, ĉi mi, pardonu pastra moŝto, ĉi mi mortas.

Por la pastro estis jam tro multe.

— Kio!... ĉu vi ŝercas kun mi, aŭ kio? Li mortas kaj la porkojn tra la tuta korto li postkuras!

— Kaj kion fari, pardonu pastra moŝto? Se ili forkuris, estas necese ilin enpeli. Acjú! Alie ili enirus la ĝardenon, aŭ al najbaro. Acjú!

Kiu scias, kiom longe estus daŭrinta tiu vetkurado, se ne estas la servisto. Li metis la sonorilon kaj la ruĝan lanternon sur la sojlon, kaj mem komencis helpi al la maljunulo.

La porkoj, ekvidinte tian gravan helpon, tuj eniris la porkejon.

La maljunulo, ankoraŭ foje insultinte ilin, fermis la pordeton per karpena paliseto.

Nun li fine aliris la pastron kaj kisis lian manon.

— Via pastra moŝto, bonvolu esti pardonema kaj ne koleru min! Sed ordinare, ili eliris, do necesas ilin enpeli.

La pastro moliĝis. Koleri li ne povis, ĉar li havis koron bonan kaj al la homoj favoran, kaj fine, pro kio koleri?

— Mi ne koleras, — li respondis indulgeme — sed ĉiuokaze, min lacigi, senbezone, estas ne honeste. Vi ja sufiĉe sanas, por dimanĉe veni mem en la preĝejon por konfeso.

— Ho Dio mia! Kiamaniere dimanĉe! Tute ne! Jen, Dio scias, ĉu mi ĝisvivos tagmezon. Mi nur perforte vin atendas. Pro Dio, perforte!

— Bone, — perforte — ekpensis la pastro enirante la kabanon... La maljunulo foriris en kamereton por preni puran vestaĵon. Post momento li aperis pure kaj kombite. La pastro ne rapidis. Ne sentis tion necesa. Li volis iom babili kun la maljunulo, kiu, estante mortmalsana, ankoraŭ postkuradas la porkojn en la korto.

— Kaj ĉu de longe vi jam malsanas? — demandis la pastro sidiĝante ĉe la tablo.

— Ho, de longe, de longe. Ŝajne nenio al mi doloras, sed la forto ien perdiĝis. Mi ĝin jam tute ne sentas en la ostoj. Kaj en la brusto ial tre malvarmas. Nepre morto.

— Nu, kaj kial neniu ĉeestas hejme? Vi sidas sola kiel ermito? Eĉ la sanulon enuigas la soleco, ne parolante pri malsanulo.

— Mi ja ne estas sola, mi petas la pastran moŝton, ĉe mi estas la infanoj, bonaj, tre bonaj infanoj. Peko estus se mi plendus.

— Bonaj, sed ili ne zorgas pri maljunulo.

— Zorgas, pastra moŝto, ili zorgas. Eĉ multe ili zorgas! Hodiaŭ neniu volis foriri el la kabano. Ĉirkaŭis ili min kaj ploras. Sed mi diras: Kial plori? Iru ĉiu al propraj aferoj. Min ne gardu, ĉar neniu min ŝtelos, kaj se necesos al mi morti, mi ja mortos ankaŭ

sen vi. Vi Hriĉjo, mi diras al la pli aĝa filo, iru sur Zmijnon. Kampo pretigita. Jam de longe decas semi. Kaj se venus la enterigo — denova prokrasto, kaj jen frostetoj jam alvenas. Kaj vi, mi diras al la filino, iru al la urbo kaj aĉetu ĉion bezonatan. Vi ja scias ke, se io okazus, ĉe ĉi tieaj judoj ĝi estas duoble pli multekosta. La bofilinon mi sendis en alian vilaĝon por sciigi la familianojn kaj la bofilo alvenigis vian moŝton kaj poste devis viziti la ĉarpentiston. Tiamaniere mi kuŝas sola, kiam mi aŭdas, la porkoj eliris. Necesas ilin revenigi. Mi leviĝis kaj iel, dank al Dio, mi revenigis ilin. Kaj la pastra moŝto ne koleru je mi, ĉar mi vere malsanas. Tre malsanas.

Li kisis denove la manon de la pastro kaj certigadis sian malsanon.

— Nu, kiel, ĉu ne malagrablas al vi solece? — demandis la pastro.

— Kaj ĉu vi ne timas? — aldonis la servisto siaflanke.

— Kial timi? Neniun mi mortigis, al neniu mi mallongigis la vivon, ne ŝtelis. Travivis mi la mian kaj decas foriĝi. Simile al laboristo. Finas li la laboron kaj foriras. Kaj ĉu ne tempo jam al mi? Jam verdire duan monaton mi malŝparas la sanktan panon. La forto ien forkuris kaj mi nenion povas labori, sed senpage formanĝadi la panon de l' infanoj iel ne decas. Ne eniras en gorĝon. Jen, dank al Dio, fino. Kion timi? La infanojn mi edukis, doton prizorgis, saĝon instruis, kaj kio plua necesas? Nenial por mi timi...

— Ni povas komenci, — diris la pastro kortuŝita per la vortoj de la aĝulo.

— Ni komencu en Dia nomo, — respondis la maljunulo kaj krucosignis trifoje.

*

Ĵus venis la pastro hejmen kaj prepariĝis matenmanĝi, kiam de la sonorilejo aŭdiĝis sonorilo: bam, bam, bam!

La maljuna Grinculo mortis.

Tritiko semita, porkaro en porkejo, la filino post momento revenos — li povis morti trankvile.

*El la ukraina: O. Kuzjma.*

---

# VIKTIMOJ

*ROMANO EL LA VIVO DE SIBERIAJ MILITKAPTITOJ*

**JULIO BAGHY**

## TRIA ĈAPITRO.

La freŝa aero mordetis la vangojn de Johano. Li rapidis tra la senhomaj stratoj de la barakurbo. La grandaj fenestroj, kovritaj per dika glacio, ŝajnis senanime rigardi lin. Li preterpasis ilin.

Li turnis sin en alian straton. Vico de barakoj kun larĝe malfermitaj pordoj borderis la vojon ambaŭflanke. Ili ŝajnis oscedantaj kriptoj, kiuj atendas viktimojn. Li preterpasis ilin.

De malproksime vidiĝis la stacidomo, antaŭ kiu ĵus ekmoviĝis vagonaro al okcidento. Post ok tagoj ĝi estos en Petrograd.

Antaŭ li, sur la vojo, proksimiĝis longa vico de militkaptitoj, portantaj dikajn arbotrunkojn sur siaj ŝultroj. Renkontante ilin oni salutis lin kun afablaj ekkrioj.

— Bonan matenon, sinjoro Bardy! Ĉu al provo?

— Saluton! Kiam estos la premiero de la nova teatraĵo?

— Ĉu oni povas jam ricevi biletojn?

Li penis respondi mallonge al ĉiu demandanto. Estis kelkaj, kiuj haltis por momento, babili kun la populara viro, kiu donis tiom da belegaj, eĉ ne forgeseblaj minutoj al siaj samsortanoj. La rusa barakestro senĉese kriadis.

— Rapidu! Rapidu!

La samsortanoj preteriris kaj li daŭrigis sian marŝadon al la teatro, kiu jam vidiĝis el la proksima placo. Ĝi estis kolosa konstruaĵo el ligno por mil ducent personoj. Ĝiaj ornamaĵoj estis simplaj, kiel decas al siberia garnizona teatro. Ĝi servis iam por la amuzado de la rusaj regimentoj, sed nun la bonkora komandanto transdonis ĝin je la dispono de la militkaptitoj pro manko de rusaj artistoj kaj rusa soldatpubliko.

Johano suprenrapidis sur la larĝaj ŝtupoj kaj eniris la vastan vestiblon, kie gigantaj fornoj, konstruitaj el brikoj kaj lado, mildigis iom la malvarmon.

El la interno de la granda vidhalo aŭdiĝis gaja laŭta babilado kaj bruaj akordoj de fortepiano.

Li malfermis la pordon. La bruo kaj muziko ĉesis. La militkaptitaj artistoj respekte atendis la alvenon de la gvidanto sur la scenejon.

— Kion vi provas? — demandis li.

— La kantojn kaj la dancojn el la nova opereto, — respondis infanvizaĝa junulo, kiu estis la primadono de la aktortrupo.

— Kie estas la orkestro?

— La muzikistoj devis iri en la urbon. Nur morgaŭ ni povos provi kun orkestro — klarigis iu el la ĉirkaŭstarantoj.

— Nu bone! Ni provos la dramon!

— Doŝky ne estas ĉi tie.

— Stefano iru por Doŝky!

— Senbezone, mi opinias, ĉar ankaŭ vi ne povos provi, — rimarkis la primadona junulo kaj petole okulumis al la pordo de la vestejo. — Via parulino el la urbo atendas vin.

— Jes?! — diris Johano ŝajnigante surprizon.

— Jes!

Johano iris al la pordo de la vestejo kaj de tie donis instrukcion por la okupado.

— Post la fino de muziknumeroj provu la prozon de la unua akto. Bihay! Bonvolu min anstataŭi!

— Laŭdezire!

Johano malfermis la pordon kaj li tuj ekvidis la virinon sidantan ĉe la malgranda fera forno. Ŝi similis al tremanta birdeto, kiu serĉante varmon kaŭras sur branĉo super cindriĝinta fajraĵo. En la forno jam ne estis fajro. Oni kutimas hejti en ĝi nur dum la prezentadoj.

Johano rigardis la virinon, kiu eĉ ne rimarkis, aŭ nur ŝajnigis ne rimarki lian alvenon. Ŝi estis bela, belega, kiel delikata porcelanpupeto. Flustra rido de juneco vibris sur ŝiaj lipoj kaj flirta orblonda buklaĵo petolis el sub ŝia ĉapeto.

— Bonan tagon, sinjorina moŝto! — diris Johano laŭte, por ke la ekstere starantaj aŭdu la konvenan kaj nenion signifantan saluton.

— Bonan tagon, Johano Jurović! — resalutis lin la virino kaj ŝian blankan, varman maneton etendis al li.

Johano apenaŭ tuŝis ĝin. La virinaj okuloj ekbrilis kaj ilia senpacience vaganta flamo ŝtelis malgraŭvolan ekbrilon en lian animon.

— Ĉu vi scias, kial mi venis?

— Mi eĉ ne konjektas.

— Hodiaŭ ni devas danci en la urbo. Oni petis min partopreni en la balo, aranĝata por la profito de malriĉaj orfoj. Mi ne povis rifuzi.

— Sed ni ne havas novan dancon.

— Faras nenion! Ni dancos la baleton "Feino kaj diablo". Ĉu bone?

Johano rememoris pri la sceno en la subtera vestejo. Ankaŭ tiam ili prezentis la saman baleton. Lia koro ekstremis kaj senresponde li esplorrigardis la okulojn de la virino. La vivantaj diamantoj ridetis.

— Ĉu vi ne volas?... Domaĝe, ĉar mi jam promesis kaj ankaŭ en via nomo mi faris certan promeson, sciante, ke hodiaŭ vi ne ludos por la militkaptitoj... Kaj mi pensis, ke vi bone

fartos en gaja societo, kie oni vin estimas kaj amas... kaj mi...

La virino pepetis, sed la obstina muteco de Johano subite konfuzis ŝin.

— Kial vi rigardas min tiel fikse?

— Mi ne vin rigardas, sed vian animon?

— Strange! — kaj ŝi ruĝiĝis. — Nu kaj ĉu vi vidas ĝin?!

— Jes, ĉar ĝi tie sidas sur viaj koketaj trajtoj kaj brilas al mi el viaj okuloj.

Johano subite ŝanĝis la tonon. Li fariĝis flamanta pro kolero.

— Kial vi mensogas?

— Sed, Johano Jurovič, kion vi pensas? Ĉu mi mensogas? Fi! Kia diro!

— Jes! Vi mensogas! Vi nur elpensis la tutan historion pri la hodiaŭa balo, por ke vi povu min allogi en vian hejmon. Kie estas via edzo?

— Li frumatene forvojaĝis al Tockoesavsk. Li havas oficialaĵojn tie.

— Vi do mensogis!

— Ne, ne! Mi ne mensogis, ĉar oni vere petis min por partopreni...

— Sed ne por la hodiaŭa vespero. Ĉu ne?

La virino mallevis la palpebrojn kaj flustris kun pardonpeta rideto.

— Post unu semajno estos la balo.

Johano kunplektis siajn brakojn sur la brusto kaj kun alternantaj sentoj rigardis la virinon, kiu timeme levis siajn okulojn al li kaj ridetis kun ĉarma konfuzo.

— Ĉu vi koleras... Johano Jurovič, ne koleru!... Mi scias, ke mi lomete mensogetis.

— Mensogetis? Kiel lerte vi povas senkulpigi vin!

— Nu booonee! Mi mensogis, sed... tamen... Johano Jurovič, vi ne devus koleri min... Mi volis vin vidi kaj... kaj...

— Kaj vi opiniis konvena la tempon, kiam via edzo estas for de la hejmo.

— Ne riproĉu min, ĉar, je la sankta kruco, mi ekiros al la vasta mondo!

Johano ekflamis.

— Iru! Iru for! Sed ne ludu komedion por mi.

— Ĉu mi? Ĉu mi ludas komedion, kiu sin humiligante antaŭ milionkaptito kvazaŭ almozpetas vian amon? Ĉu mi ludas komedion, kiu forgetesante pri ĉio kaj ignorante ĉion jetas min al la buŝo de la mondo? Ĉu mi ludas, kiu nenion pensante pri la vagantaj klaĉoj vizitas vin en via malgaja fremdeco por forgesigi vian senaman orfecon? Ĉu mi ludas komedion aŭ vi? Kiu el ni ambaŭ?

La virino ekploretis. Johano sentis sin malarmita. Lia despota mieno fariĝis petega kaj la voĉo vibris pro ekscitiĝo.

— Sinjorina moŝto!

— Ne diru ĉiam tiun abomenindan „sinjorina moŝto"!

— Nu... bone... Katja...!

— Diru denove!

— Katja!

— Diru denove! — kaj kun larmaj okuloj ŝi ekridetis.

— Eh! Ne estu infano! — sed ankaŭ li ne povis reteni la rideton, kiu altrudis sin al liaj lipoj.

— Diru denove! Denove, denove! Bis! Bis! Bis!

— Katja! Katja! Katja!... Ĉu vi estas kontenta?

— Ne tute!

— Kion vi deziras ankoraŭ?

— Kison!

Johano iris al la pordo kaj de tie respondis kun malvarmiĝinta tono.

— Tuj mi revenos. Mi devas doni kelkajn instrukciojn al mia anstataŭanto kaj poste mi akompanos vin al la stacidomo.

— Vana klopodo! — diris ŝi kun ĉarma grimaco. — La plej baldaŭa vagonaro iras nur posttagmeze. Mi devas resti ĉi tie.

— Vi malvarmumos.

— Faras nenion. Almenaŭ mi ne devas longe suferi.

— Sensenca virina romantikeco.

— *Vi* estas romantika en la rolo de Jozefo de sinjorino Putifar.

— Tiun ĉi esprimon vi profitis de Doŝky. Ĉu ne?

— Mi ne rememoras. Povas esti. Cetere ĝi estas tute trafa esprimo.

— Hieraŭ li estis via gasto!

— Jes!... Kial vi ne venis, sinjora moŝto?

— Mi havis urĝan laboron. La du lastaj tekstoj de la kanto en mia nova opereto ne estis ankoraŭ pretaj.

— Kaj pro tio vi donacis la pakaĵon, kiun mi sendis, al stratvagulino.

Johano ruĝiĝis.

— Kiu diris tion?

— Neniu! Venante de la stacidomo mi renkontis knabinon, en kies mano mi rekonis mian pakaĵon. Mi haltigis ŝin, konjektante malbonon, kaj pridemandis. Ho, kiel impertinente ŝi ridis al mi.

— Vi ne estus devinta alparoli ŝin.

— Dankon! Kaj en tiu okazo estus ridinta pri mi la tuta ĉirkaŭaĵo, ĉar vi, sinjora moŝto, eĉ ne rigardante la enhavon, forgesis mian leteron en la pakaĵo... Jen!

Ŝi prenis leteron el la poŝo de sia pelto kaj etendis ĝin al Johano. Li, tute konfuzite, hezitante momenton, transprenis ĝin.

— Malfeliĉa letereto mia! Sopiraj krioj de mia amo, kiujn vi ĵetis al stratvagulino, Vi eĉ ne povas imagi la doloron, kiun vi kaŭzis al mi. Profunde vi ofendis min. Virino eble povas pardoni tiaĵon, se ŝia amo estas pli profunda ol la ofendo, sed forgesi, — neniam.

El Johano eksplodis senespera ekkrio.

— Kion vi volas de mi?!

La virino kun certeco pri sia triumfo ĝuis la baraktadon de la viro kaj ridetis.

— Nenion, sinjoro Bardy! Mi volas nur iom babili kun vi. Nenion, sinjoro Bardy, nur babili... nur babili.

Johano subite malfermis la pordon kaj vokis Stefanon.

La maljunulo venis servoprete kaj haltis antaŭ li.

— Stefano! Vi iros hejmen kaj diros al sinjoro Doŝky, ke mi petas lin tuj al la teatro. Ĉu vi komprenas? Tuj!... Krom tio vi iros al la hejtisto kaj petos lin fari fajron en tiu ĉi vestejo.



Giorgione — Ventega pejzaĝo

Poste vi iros al la oficira kuirejo kaj mendos tagmanĝon por tri personoj. Ĉu vi komprenas? Por tri personoj... Jen la mono. Ne forgesu alporti tablotukon kaj telerojn kun manĝilaro! Ĉu vi komprenas?

— Jes! Sinjoro Došky, hejtado en la vestejo, tagmanĝo por tri personoj, tablotuko, teleroj, manĝilaro.

— Bone, Stefano! Estu lerta!

La maljunulo ekiris kaj murmuris sub siaj lipharoj.

— Kiom da penado pro virino!

Johano fermis la pordon. La virino kun demanda mieno atendis lian klarigon, ĉar ŝi ne komprenis la interparolon. Ĝi estis hungarlingva.

Johano sidiĝis sur remburita apogseĝo kaj kun facila rideto, en kiu vidiĝis iom da incita venĝeto, li parolis kun troa ĝentileco.

— Sinjorina moŝto deziras babili kun mi, sed bedaŭrinde mi ne havas multe da tempo por tio kaj, ĝuste por esti kompleza al vi, mi venigis anstataŭanton. Sinjoro Došky baldaŭ venos ĉi tien kaj estos je via dispono.

Koleraj rozoj ekbrulis sur ŝiaj vangoj.

— Vi estas komedianto.

Johano leviĝis kaj profunde klinis sin.

— Vi estas prava, sinjorina moŝto, kaj mi estas tre fiera pri mia profesio.

— Sed ne nur sur la scenejo, ankaŭ en la vivo.

— Vi devigas min por tiu ĉi rolo.

— Mi?

— Jes! Multfoje mi diris al vi, ke mi amas mian edzinon. Tio ne estas komedio. Vi estas bela, pompanta, mem la vivanta tento, kaj mi devas reteni min per ĉiu ebla rimedo. Tio estas jam komedio, ĉar mia sango en ĉiu minuto, kiam mi vidas vin kaj ankoraŭ pli, kiam mi ne vidas vin, ribelas kaj bolas kaj postulas. Sed foje mi aŭdis de maljunulo, ke rezignoj faras la homon forta. Nun mi ekzercas.

— Nur maljunulo povas diri tian malsaĝaĵon.

Frapado sur la pordo. Venis la hejtisto.

— Ĉu vi ordonis hejti?

— Jes! Vi eble malvarmumos en tiu ĉi glacia aero. Cetere ni tagmanĝos ĉi tie. Stefano portos manĝaĵon el la oficira kuirejo. Mi mendis por tri personoj.

— Mi ne volas manĝi. Ankaŭ mi havas principojn. Neniam akceptu ion de malamiko.

— Ĉu vi rigardas min via malamiko? Kial?

La virino rigardis al la hejtisto kaj Johano komprenis ŝin.

La hejtisto estis simpla kamparano, dika, plenvanga, forta junulo. Li parolis kun terura dialekto, ke oni apenaŭ povis kompreni lin. Li ekkaŭris antaŭ la forno kaj tre malrapide, kvazaŭ li konstruus dometon por infanoj, li metis ligneton post ligneto en la fajrujon.

Por rompi la pezan silenton Johano alparolis lin.

— Nu, Joĉjo, kio nova?

— Nenea naova, seenjaoro! — respondis la knabo serĉante alumeton en ĉiu poŝo de sia bluzo. — Me faorgeesis faojrigelon!

— Jen alumeto! — diris Johano kaj donis al li la sian.

— One deeras, ke naovaj meletkaoptetoj alveenis.

— Kiam?

— Jos me aadis teon de meea ameekoo. Ele estos en la baoraokoj apod la tejaotro.

— Aha! Mi scias. Venante al la teatro mi vidis kelkajn barakojn, kiuj kun malfermitaj pordoj atendas novevenintojn.

— One deeras, ke antao do ao tre maonaotoj kaoptis elen la roosoj.

— Verŝajne ni trovos inter ili samurbanojn.

— Uhumm! — Li esprimis la saman opinion kaj per plenpulmo komencis blovi la fajron. — Ke la Jesoo Kresto cendrigo teon legnon! Ĝe estas maolseeka, keel mea kaolsaono post laovaodo! — blasfemis la knabo.

La virino flustre demandis Johanon.

— Ĉu li scias ruse?

— Ne! Sed mi povas demandi lin. Joĉjo, ĉu vi parolas ruse?

— Ne moolte... Ke la Ponceos Pelatos eksteermo teon aorbaoron, en keo one haokis teon ĉe legnon! Ĝe ne vaolas ekbrooli... Me kaompreenas ne moolte roose.

Johano turnis sin al la virino kaj interpretis.

— Li ne parolas kaj ne komprenas multe.

— Ĉu li estas kamparano?

— Jes!

— Kiel sana li aspektas. Li vivas kiel la bruto kaj ne turmentas sin per doloraj pensoj... Ho kiel mi ŝatus esti tia sensenta estaĵo.

— Vi eraras, opiniante, ke la simplaj homoj ne havas siajn dolorojn kaj sopirojn. Ili povas ami, kiel vi, kaj resti kortuŝe fidelaj.

— Hahaha! Vi opinias min tro naiva!... Demandu la knabon, ĉu li amas la rusajn knabinojn?

Johano ridante plenumis la strangan deziron.

— Joĉjo! La sinjorina moŝto demandas vin, ĉu vi amas la rusajn virinojn.

— Nor lao maodeero.

— Nur modere — interpretis Johano.

— Demandu lin, ĉu mi plaĉas al li? — kaj ŝi kokete ridetis al la knabo.

— La sinjorino demandas vin, Joĉjo, ĉu ŝi plaĉas al vi?

La knabo por momento rigardis al la ridetanta vizaĝo de la virino, klakis per la lango kaj gratante la orelon li respondis.

— Delekaota persaono, sed ne por me... Ŝea naozo semelas al la naozo de mea feanĉeno en Transselvaoneo... Taomen ŝe estas ple beela, me pensas. Per la maonoj de la senjorena maoŝto ne estas eble melki la bovenojn, nek kneedi la ĉeutaogan paonon.

Li ĉesis paroli kaj denove, kun plena fervoro, blovis la fajron. Johano ripetante interpretis la opinion de la bona knabo.

— Li opinias, ke vi ne estas tiel bela, kiel lia fianĉino en Transsilvanio. Viaj manetoj ne taŭgas por melkado kaj knedado.

La virino gaje ekridis kaj preninte monon el sia retikulo ŝi donis ĝin al la knabo. La knabo tenis la monbileton en sia mano kaj nekomprene rigardis jen al la virino, jen al Johano.

— Mi dankas vian sincerecon, — diris ŝi.

— Keon ŝe vaolas? — demandis la knabo.

— La sinjorina moŝto dankas la komplimenton, — klarigis Johano.

— Vaolaonte me faoris! certigis kapjese la knabo kaj la monon zorge metinte en sian notlibron, daŭrigis la fajrofaradon. — Ke la saonkta vergoleno kaompaotoo jam ĉe teon faojron!

La pordo malfermiĝis kaj venis en la ĉambron la primadono de la artista trupo. Li respektplene salutis la virinon kaj mallaŭte pritraktis aferon kun Johano. Dum la parolado kelkfoje li rigardis al ŝi.

La virino konjektis, ke ili parolas pri ŝi.

— Kion li volas? — ŝi demandis Johanon kaj afable ridetis al la ruĝiĝanta junulo.

— Teatra afero, sinjorina moŝto. Li petis min interpreti lian deziron, li ludos en la nova opereto la ĉefan virinan rolon, dancistinon kaj li bezonus ian belan balan kostumon kaj...

— Aha! Bone. Hodiaŭ vespere vi povos elekti por li el mia tualetaro laŭplaĉe — ŝi diris kaj kvazaŭ sugestie rigardis en la okulojn de Johano.

— Ĉu hodiaŭ vespere?

— Jes! Vi ja venos por partopreni en la hodiaŭa balo. Vi promesis. Ĉu ne?

Johano konfuzite balbutis.

— Jes, sed... mi...

— Nenia sed! Vi diris jes kaj vera viro plenumas sian promeson, eĉ se ĝi estas kontraŭ lia volo, — kaj aperis triumfa rideto sur ŝiaj lipoj.

Johano kapitulacis kun facila kapklino kaj turnis sin al la junulo.

— Hodiaŭ mi iros en la urbon kaj elektos por vi kostumon.

— Elektu tiun helflavan! Tiu koloro tre konvenas al mia blonda peruko. Krome bonvolu aĉeti por mi kelkajn ringojn. Ili malgrandigas la manojn.

— Bone, bone. Mi prizorgos.

— Kaj, kara direktoreto mia, ne forgesu aĉei por mi *Leichner*-an ŝminkon, ĉar tiu ĉi hejme preparita ŝminko tre bone kaŝas eĉ la freŝe razitan vizaĝon. Mi volas brilegi, ke oni ekkuŝu al miaj piedoj, — afektis plu la trodorlotita junulo. — Jes! Mi eĉ ne diris al vi, ke kapitano Prokeĉ surprizis min per paro da orumitaj ŝuoj. Ili havas altajn kalkanumojn kaj sukcese malgrandigas la piedojn.

— Bone, bone.

— Ĉu vi ne havas bonan humoron, kara direktoreto?

— Mi havas, sed...

— Mi komprenas. Tuj mia kara!

Li salutis la virinon kun mucide afektita rideto, premis la manon de Johano kaj foriris. La pordo fermiĝis, sed nur por momento, ĉar li denove malfermis ĝin por ŝovi la kapon.

— Elektu, kara direktoreto, se eble, ankaŭ tiun rozkoloran dekoltitan danckostumon, kiun la sinjorina moŝto uzis dum la lasta baleto en la urbo. Ĝi bonege montras la formojn. Ne forgesu!

— Bone, bone!

La pordo fermiĝis. Johano turnis sin al la virino, kiu starante antaŭ la vesteja stablo rigardis la artefaritajn virinajn koksojn kaj mamojn, kiujn oni per ŝnuretoj fiksas al la viraj korpoj dum la prezentadoj.

Johano haltis malantaŭ ŝia dorso.
— Ĉu vi vidas, sinjorina moŝto, tiel ni mensogas al ni mem por luli nin en iluzioj, ĉar la realon forrabis de ni la vivo.
— Kaj eĉ se la vivo etendas al vi la realon, vi preferas la kotornojn. Jen viaj tragedioj, — diris ŝi kun malgaja rideto.
— Jes! Ja! Komuna sorto de la militkaptitoj.
— Sed ne ĉiuj estas revuloj.
La knabo fine sukcesis. La fajro brue ekzumis en la forno. Li metis ankoraŭ kelkajn lignojn por vigligi la flamojn kaj estis forironta. Li haltis antaŭ la muta paro, kvazaŭ por diri ion. Johano rimarkis lin.
— Kion vi volas Joĉjo?
— Me nor vaolas deri al la senjorena maoŝto, ke ne estas teea roosa knabeeno por keea me faurgesos mean feanĉenon en Transselvaoneo. Roosa vereeno por roosa veero, hongaora vereeno por hongaora veero.
La knabo forlasis la ĉambron.
— Kion li diris? — scivolis la virino.
— Li donis al vi la respondon anstataŭ mi... Por rusa virino rusa viro por hungara virino hungara viro. Kaj ankaŭ tion li diris, ke ne estas tia bela rusa knabino por kiu li forlasus sian fianĉinon. Vi povas vidi, ke ankaŭ la kamparanoj havas sonĝojn kaj dolorajn sopirojn.
La virino nerve disŝiris unu el la virinaj kostumpecoj kaj ĵetis ĝin al la piedoj de Johano.
— Jen! Vi, kurantoj preter la vivo, kun viaj revoj, kiuj ŝiriĝos kiel ĉi tiu produkto de vana iluzio.
— Katja! Vi estas maljusta. Vi juĝas pri sentoj, kiujn vi ne komprenas.
— Kial mi ne komprenas?
— Ĉar vi neniam amis vere, sindone kaj kun dolora rezigno.
La virino ekploris.
— Kial vi ploras? Ĉu mi trafis la veron kaj tio tuŝas vin dolore?
La virino subite ĉirkaŭbrakis Johanon kaj kun arda ekploro plendis.
— Vi turmentas min, Johano. Terure mi suferas... Kial vi diras, ke mi ne konas la amon... La amon rezignan kaj doloran?
— Ĉar vi konas nur la deziron.
— Vi eraras! Mi diras al vi, ke vi eraras. Mi amas vin ne forŝireble. Mi povas rezigni pri ĉio, pri ĉiu...
— Escepte min, Katja. Ĉu ne? Jen via granda eraro.
— Ne koleru min, Johano Juroviĉ. Indulgu min.
— Mi ne koleras.
— Kisu min! Nur unufoje kisu min!
Johano penis liberigi sin el la forte premantaj brakoj, kiuj kvazaŭ spasme ĉirkaŭprenis lin. Li ne sukcesis. La virino ĉiam pli forte tiris lian kapon al si kaj ploretante pepetis.
— Kison, Johano!... Nur unu kiseton... nur unu solan, malloŋgan kiseton.
La vangoj de Johano flamis. Kun subita sinforgeso li ekpremis la virinon al si.
Frapado aŭdiĝis. La virino ŝajnigis indiferenton, ludante per skarpo de ekzotika teatra uniformo. Johano ekiris por marŝadi tien kaj reen en la ĉambro.
La frapado ripetiĝis. Johano laŭte ekkriis.
— Envenu!
Doŝky venis en la ĉambron. Li rigardis por momento al ambaŭ kaj poste kun apenaŭ sentebla ironio li diris.
— Verŝajne mi alvenis en ne ĝusta minuto kaj malhelpas vin en la dancprovo. Sed vi petis min, Johano, ke mi tuj rapidu al la teatro.
Johano sentis la mokan tonon de la parolo, sed ŝajnigis ne rimarki ĝin.
— En ĝusta momento vi venis.
— Ankaŭ mi tiel pensas — diris Petro kaj subpremis la altrudeman ridon, kiu sufokadis lin. Li turnis sin al la virino. — Saluton al vi, sinjorina moŝto. Mi eĉ ne kuraĝis esperi, ke tiel baldaŭ mi revidos vin.
— Bonan tagon, sinjoro Doŝky, — kaj ŝi etendis sian manon al Petro.
Petro klinis sin kaj kisis la maneton.
— Jen! Vidu, Johano Juroviĉ, sinjoro Doŝky estas vera kavaliro. Li ne ŝparas la mankison.
— Johano! Johano! Vi eĉ ne kisis la maneton de la sinjorina moŝto?! Ah! Ah! Ah! — riproĉis Petro kun troa patoso — Jen! Tia estas mia amiko. Pardonu lin, sinjorina moŝto... Ĉu ne honte ne kisi tian neĝblankan maneton, kia estas la filigrana maneto de la sinjorina moŝto?! Se mi estus en via situacio, mi kisus ĝin de mateno ĝis vespero.
— Kion fari? Mi estas ja tia! — diris Johano, kaj li ŝajnis esti incitita.
— Urso, vera urso li estas, sinjorina moŝto. Kredu min! Mi estas lia amiko. Mi bone konas lin.
La virino ridis, Petro ridis kaj Johano vole-nevole ridis kun ili.
Botfrapetado antaŭ la pordo. La maljuna Stefano alvenis kun la tagmanĝo. Respekte, kun iom da ceremonio, li malfermis la pordon kaj kiel en teatraĵoj li aplombe anoncis.
— La tagmanĝo estas servita!
— Kie, Stefano, kie? — demandis samtempe Petro kaj Johano.
— En mia mano. — respondis dignoplene la maljunulo.
Johano kaj Petro iris sur la scenejon por porti de tie tablon kaj seĝojn. La aktoroj jam iris hejmen. Dume la maljunulo metis la kaserolojn sur la fornon, elpoŝigis manĝilaron, prenis el sub sia mantelo la telerojn, zorge volvitajn en tablotuko. La virino demetis sian ĉapeton kaj la pelton pendigis sur najlon ĉe la pordo.
Ŝia gracia staturo nur nun montriĝis en plena beleco.
Petro kaj Johano revenis kun tablo kaj tri komfortaj seĝoj. Ili rapide kovris la tablon per la blanka tuko, metis la telerojn kaj la manĝilaron sur ĝin.
La maljuna Stefano staris servoprete antaŭ la forno, sed Johano forpermesis lin.
— Stefano! Vi povas hejmeniri kaj post kelkaj horoj revenu por la objektoj. Ĉu vi komprenas? Hodiaŭ mi devas iri en la urbon. Mian vespermanĝon donu al sinjoro Varga. Li ĉiam konsentas malaperigi ĝin.
— Jes! Mi iras hejmen, revenos por la objektoj, vi vojaĝas al la urbo, vespermanĝon al sinjoro Varga. Mi komprenas.
Li salutis kaj foriris.
Johano proponis ĝentile seĝon al la virino apud si, sidiĝis.

---

# *SPITE*

*K. de Kalocsay*

*Gigantaj, en minaca, monotona*
*grizo starantaj rokoj... Fieraj. Majestaj.*
*Surdaj al vokoj. Blindaj al koloroj. Mutaj.*
*Sensentaj titanoj. Krutaj avertoj. Neantoj de l' Tempo!*
*Al viaj muskaj vertoj verŝas la suno oron de somero,*
*per vento al vi flustras aŭtuno dolĉe melankolian zumon,*
*vintro per arĝento funebra vin ornamas katafalke,*
*printempo volas veki vin per vibre febra kiso,*
*sed vin impresas nenio...*
*Rigide, fierege, en via interno sen sento, emocio, pasio,*
*vi ĉirkaŭspiras vin per frosta Eterno. Kun muta malŝato vi vidas,*
*ke herboj, papilioj, homoj vivi kaj morti rapidas*
*ĉe viaj eternaj piedoj. La rivero blua*
*de l' Tempo vin lavas, sed ŝaŭmo brila kaj ondo brua*
*senŝanĝe preterfluas la fortikajojn terurajn*
*de via kruela soleco. Kaj la malhelkonturajn*
*pintojn kun ŝtoniĝinta nostalgio vi streĉas en la nokto serena*
*al la firmamento steloplena:*
*En vi la nuda, terura, senvive eternviva Tero-kerno [eterno.*
*rigardas la stelojn, parencojn siajn en sensento, fiero, majesto, soleco,*
*Inertaj titanoj! Kion vi havas el via nuda, glacia majesto?*
*Via eterno kruda estas blinda kaj surdemuta neesto,*
*mensogas via rigido frosta, fiero obtuza, majesto sovaĝa,*
*amaso malsaĝa*
*vi estas! Sensenton, fieron, majeston, solecon, eternon*
*mi konscias pri vi anstataŭ vi! Mian internon*
*ili tuŝas per sentoj, impresoj. Vi timige fieras*
*ĝis volas mi, sed vi ŝaŭme malaperas,*
*se mi turnas for rigardon mian...*
*Jes, mi, atomo*
*pasema kaj efemera kaj bagatela: homo!*
*Ne pli daŭra ol la trema rosguto sur via musko...*
*Ho, kun febra saluto mi laŭdu mian vivon momentan!*
*Rokoj! Aŭdu! Kontraŭ via glacie eterna kuŝo*
*mi ĵetas el krianta buŝo la veron de mia ekzisto.*
*Mi falis sur la Teron, rosguto kaj la momento posta*
*jam portas malaperon mian. Sed dum kelkaj momentoj*
*mi brilis, mi brilis! De miloj da sentoj mi plenis!*
*La mondon mi jubilis! Mi estis vaste malfermita Okulo,*
*kaj en mia momenta spegulo solfa ardis eternaj fajroj,*
*kaj sin plezure en ĝi rigardis la tuta Universo.*

La virino, preninte la dividan kuleron, ankoraŭ restis staranta.
— Ĉu vi permesas, Johano Jurovič, ke mi estu la mastrino? — kaj ruzete ŝi aldonis. — Antaŭe mi diris, ke de malamiko mi akceptas nenion, sed tion mi ne diris, ke al malamiko mi ne donas ion.

Johano ridetis kaj donis sian teleron al la virino, kiu ĉerpis plenkuleron da supo por li.
— Virina logiko, sed ĉarma.
— La virina logiko estas ĉiam ĉarma, kvankam tre erara. — rimarkis Petro kaj ŝovis sian teleron antaŭ la virinon.

Ŝi prenis ankaŭ por si el la supo kaj sidiĝis. Kelkajn momentojn ili silente manĝis. Subite Petro, kiam estis la vico de la rostaĵo, saltis de la tablo kaj prenis el la poŝoj de sia mantelo du botelojn kaj tri glasojn.
— Ho, mi mallerta! Preskaŭ mi forgesis la vinon! — li krlis.
— De kie vi akiris vinon? — demandis la virino.
— El mia propra kelo. Tiu ĉi nektaro estas rikoltita en la kuracista barako. Sed kiamaniere oni rikoltis?! Simple el sekvinberoj per aldono de iom da sukero kaj akvo. Tio ĉi estas specialaĵo de niaj bravaj kuracistoj.
— Nun mi komprenas, kial aĉetas ĉiumonate tiom da sekvinberoj la kuracistoj kaj via milita pastro.
— Ah! La pastro! Nia eminenta pastro! Li estas kurioza homo. Mi tre estimas lin, precipe, se mi ne estas devigata vidi lin. Li estas vere pia homo, kiu foliumas la biblion de la diablo, la kartojn. Li drinkas, kiel hipopotamo, li deturnas monsumojn, senditajn por bonfaraj celoj, li vangofrapas la malfeliĉajn soldatojn, kiuj pro la neĝblovado ne povas rimarki kaj saluti lin laŭ la disciplino kaj ĉiunokte vir...
— Hm! Ahm! — ektusis averte Johano.
— Virtuoze ekzercas la rezignon pri la mondaj plezuroj. Nu!
— Vi tre koleras lin, sinjoro Doŝky.
— Mi ne koleras lin, nur senfine malestimas lin... Cetere tiu ĉi rostaĵo estas bonega. Ĉu ne?... Ho mi mallerta. Denove mi forgesis ion... Verŝi en la glasojn, tio estas mia tasko, — kaj li plenigis ilin, poste altenlevis sian glason kaj tostis.
— Sinjorina moŝto! Kara amiko! Hodiaŭ, la 18-an de Januaro en la 1917-a jaro.
— 1918-a! — korektis lin Johano.
— Nu bone! — kaj trinkinte ĝisfunde la enhavon de la glaso Doŝky residiĝis.
La virino kaj Johano ekridis.
— Eminenta oratoro vi estas, Petro! Ĉu ne, sinjorina moŝto?
— Nur ne demandu la sinjorinan moŝton! Ŝi havas ĉiam la saman opinion, kiel vi.
— Nu ne ĉiam! — protestis ŝi.
— Ĉiam, sinjorina moŝto, sed ne en ĉio! — persistis Petro.
La virino ruĝiĝis. Johano ĵetis riproĉan rigardon al sia amiko, kiu diable impertinente turnis siajn okulojn jen al li, jen al ŝi. Subite, kvazaŭ kaptite de nova ideo, li leviĝis kaj iris al la pordo.
— Kien vi iras? — demandis Johano.
— Al Joĉjo! La fajro estingiĝos baldaŭ kaj ni ne havas sufiĉan provizon da ligno. Tuj mi revenos. Esperebie vi ne enuos la duopon. Vi eĉ ne parolis ankoraŭ pri la hodiaŭa baleto, kiun vi devos prezenti en la urbo. Jes! Kion vi prezentos hodiaŭ?
— La feinon kaj la diablon, — respondis la virino tre rapide por eviti sinceran konfeson de Johano.
— Ah! Ĝi estas tre ĉarma baleto... Vere tre ĉarma baleto... Johano tre ŝatas ĝin... Nu, tuj mi revenos.
Li foriris. La virino kun pardonpeta grimaceto ridetis al Johano. Li konfuzite turnis sian rigardon al la plafono.
— Kial vi mensogis?
— Mi nur mensogetis... Nur iom mi mensogetis...
— Vi scias ja, ke mi diros al li la veron.
— Sed ne nun. Granda diferenco... Ni havas tempon por elpensi ion akcepteblan...
— Sed kial? Kial ĉiam mensogi?
— Vi estas prava, Johano! Ni ne mensogu plu! Ni diru unu al alia. Mi amas vin!... Nu diru!
— Ne!
— Kial ne?
— Ĉar mi ne amas vin.
— Vi mensogas, Johano!... Iomete vi tre, treege mensogetas...
Ŝi karese frapetis la vangojn de Johano. Li toleris la petolaĵon kaj profundiĝis en reva observado.
— Nu diru, Johano; mi mensogetis, ĉar mi amas vin... Nu diru!
Johano provis kontraŭstari, sed li ne sukcesis.
— Nu diru, mia kara!... Diru do; mi mensogetis, ĉar mi tre amas vin, Katja...
— Ne, ne, ne! Mi ne amas vin. Mi malamas vin, ĉar vi volas forrabi min de la miaj. Mi malamas vin, ĉar vi ŝtelis miajn pensojn kaj sonĝojn. Mi malamas vin...
La virino ĵetis sin al la brusto de Johano.
— Miaŭ! Miaŭ! Miaŭoa! Oaoamiaŭ! — eksonis ekstere la voĉo de Petro.
La virino residiĝis. Ŝiaj trajtoj nerve saltetadis kaj la okuloj ĵetis fulmojn al la envenanta Petro.
— Bonege vi povas imiti la katojn, sinjoro Doŝky!
— Dankon por la komplimento, sed mi estas nur mizera fuŝisto kompare al la veraj katoj.
Johano, ruĝa pro kolero kaj ekscitiĝo, kun akra tono demandis lin.
— Kial vi miaŭis?
— Mi vidis katinon en la teatro — kaj hungarlingve li aldonis. — Kiom vi donus al iu, kiu hodiaŭ nokte ĝustatempe miaŭus sub la fenestro en la urbo?!

*(Daŭrigota)*

---

# LA MONAĤO PREDIKAS AKVON

**ZOLTAN AMBRUS**



Patro Polikarpo faris beleganpredikon pri la efiko de l'alkoholo. Kun tondra voĉo li kondamnis tiujn, kiuj, kvankam formitaj laŭ la bildo de Dio, ne hontas sin aĉigi je porkoj kaj la adeptaro kun puriĝinta animo, riĉe en noblaj intencoj kaj sur la lipoj kun la laŭdo de patro Polikarpo, forlasis la preĝejon.

La prioro ne povis sufiĉe laŭdegi la eminentan oratoraĵon, ankaŭ la ceteraj monaĥoj ne ŝparis la rekonon kaj ĉi tiu eksterordinara efiko faris patron Polikarpon ne ordinare bonhumora. En sia ĝojo tro multe li englutis okaze el la vino de Tokaj; tiel ke fine li rampis sub la tablon de l'refektorio kaj komencis kokokrii, asertante ke propre li estas koko kies nepra devo nun jam estas anonci la venon de l'tagiĝo. Oni ne povis al li enkapigi ke li ne estas sur la sterkejo kaj ke propre ankaŭ nun li ja estus patro Polikarpo; ĝis mateno li kokokriis. Kiam li malebriiĝis, li devis sin anonci ĉe la prioro. La prioro sciigis lin ke konsiderante la meriton akiritan per la oratoraĵo, ĉi tiun nuran fojon li formetas la punon; sed la mallaŭdajn vortojn kompreneble li ne povis formeti kaj kun mikso de riproĉo kaj miro li demandis ke tiu sama homo, kiu trovis tiel elokventajn vortojn por brulstampi la drinkemon, kiel povis tiel terure forgesi pri si?

— Kial vi trinkis tiom multe?! — li demandis lin. — Kaj ĝuste vi?!...

Patro Polikarpo gratis la nukon; kaj vere li sukcesis kunskrapi la plej bonan senkulpigon.

— Por la kaŭzo de l'pureco mi trinkis — li klarigadis sian pekon. — El du malbonoj mi devis elekti, mi do elektis la pli malgrandan malbonon. Mi konfesas al vi, patro, ke iam kaj iam, kelkfoje min kaptas la tento, peki per la virina besto. Tiutempe mi

scias nur unu manieron por forpeli la malbonon: se mi sufokas ĝin en alkoholo.

— Malbone vi defendas vin, filo Polikarpo — respondis la prioro. — La spertaj paganaj aŭtoroj asertis ĉiam kaj ankaŭ la libroj de l'scienculoj instruas ke *Ceres, Bacchus* kaj *Venus* iras kune. La drinko ne nur ne defendas kontraŭ la karnemo, male, je karnemo ĝi logas.

— Jes, se malsaĝe malmulte oni trinkas — respondis patro Polikarpo. — Sed se oni, baraktante inter tentoj, saĝe trinkas multe, tiam oni forgesas pri ĉio, do ankaŭ pri la peko. Kaj kun tia bonintenco, mi povus diri: kun tia sankta celo mi trinkis multe... por peli el mia kapo la pli grandan pekon... kio ankaŭ prosperis.

— Alifoje, — juĝis la prioro, — se denove vin kaptos la tento, fleksu vian intencon prefere al preĝo. Konfidu vin al la providenco. Se helpos vin la preĝo, vi ne devos vin riproĉi; se ĝi ne helpos... eĉ tiam vi havos la senkulpigon ke vi serĉis la ĉielan gracon sur la ĝusta vojo kaj ĉi tiu via senkulpigo akiros la pardonon. Sed ne elektu la certan pekon, timante tion, kio estas malcerta.

— Laŭordone — respondis patro Polikarpo.

Kaj baldaŭ li anoncis sin ke ree li volus fari predikon, kaj ĉi tiun lian deziron, komprenable, oni volonte plenumis.

Ĉi tiun fojon patro Polikarpo oratoris denove pri la malutila efiko de l'alkoholo, sed nun ne la danĝerojn de l'brando, sed tiun de la vintrinkaĵo li pentris per viglaj koloroj. „Eĉ el bono malutilas multo!" — li tondris.

Al la prioro plaĉis la parolo.

— Oni povas vidi — li laŭdis en si patron Polikarpon — ke la sperto kaj vera pripento parolas el li. Sincera pripento kaj sperto; ĉiu devas rekoni ke tiu ĉi homo scias kion li diras. Lia peko ne estis do tute vana. Eĉ se per ĝi li malutilis al si, samtempe li akiris sperton: kiamaniere turni la senspertulojn en la ĝustan direkton.

Kaj li ne povis sufiĉe beni la providencon kiu zorgas ke nenio forpasu vane, eĉ ne la malbono.

Sed pro singardemo li nenion diris al patro Polikarpo. Li timis ke patro Polikarpo, trosinfidiĝinte, faros kiel pasintfoje.

Jen estis saĝa antaŭvido, — ĉar patro Polikarpo, aŭdante la flatajn vortojn de siaj kunuloj, denove ensuĉis, pro ĝojo pri la sukcesita parolado, tro multe el la fama nektaro de Tokaj kaj apenaŭ finiĝis la vespermanĝo, li jam ruliĝis sub la tablon.

Sed ĉi tiun fojon li ne kokokriis, sed hurlis, dirante ke li estas leono.

La postan tagon, komprenoble, li devis respondi pri sia peko.

— Kial vi drinkis denove? — demandis lin la prioro.

— Pro malespero — ekskuzis sin patro Polikarpo. — Miaj ambaŭ piedoj estas plenaj de kaloj kiuj senĉese turmentas min dumire. Kaj tiu ĉi korpa doloro rememorigis al mi miajn animajn dolorojn. Ke vane mi klopodas, mi ne povas akiri la animan perfektecon.

— Kaj tiu ĉi malbenita drinkaĵo havas tiun econ ke ĝi forgesigas ĉiun doloron. Ju pli ofte oni trinkas ĝin, des pli ĝi konsolas. Kiam mi jam trinkis tre multe, mi sentis ke mi estas tiel forta, kiel leono kaj tiel sankta, kiel evangelisto. Mi ne sentis miajn kalojn; mi sentis nur la animan pacon de l'beatuloj. Por tiu ĉi kelkmomenta sankta feliĉo mi trinkis. Mi kulpo, mia plej granda kulpo!

— Jes, — respondis la prioro, — ĉi tiu malbenita drinko havas la menciitan econ... sed kiom vi devos repagi por tiu mallonga ebrio kaj kun kiaj usur-rentumoj!... Pro kelkmomenta bonsento vi depagas per tut-taga kapdoloro, per korpa kaj anima ruiniĝo. Alifoje, se via animo doloras, serĉu saniĝon en la preĝo; kaj se la kaloj turmentas vin, eltranĉigu ilin. Kaj nun, por ke mian konsilon pli bone vi gravuru en vian memoron, unu tagon vi meditos en via ĉelo kaj fastos.

— Laŭordone — respondis patro Polikarpo.

Kiam la plej proksiman fojon denove patro Polikarpo devis aperi en la predika seĝo, jam tute ne plaĉis al la prioro ke patro Polikarpo ree tondras pri



Giorgione — Madono de Castelfranco

la malutila efiko de l'alkoholo. Kvankam ĉi tiun fojon patro Polikarpo eksplikis novan, ĝis nun ne detaligitan ĉapitron de la teksto kaj diris tre prudentajn aferojn. Li klarigis ke la modera, sed regula trinko de vino estas ankoraŭ pli danĝera, ol se oni tre malofte deŝiras la bridon, ĉar la regula uzo de l'veneno certe muelas la korpon kaj animon.

Kaj la prioro bone konjektis. Patro Polikarpo ankaŭ je la ĝojo de la tria oratoraĵo transdonis sin al la ĝuo de l'vindrinko kaj evidente por eviti la danĝeron de l'modera drinko li plengorĝis tiom el la Tokaj-vino ke fine li plene maceriĝis kaj ree finis sub la tablo. Tie li asertadis ke li ne estas homo, sed azeno, eĉ tia azeno, kiu deŝiras la bridon kaj ĝismatene li piedfrapadis, kriadante: „i. a."

— Kial vi drinkis denove, malfeliĉulo?! — demandis lin la prioro la postan tagon kiam patro Polikarpo, eldorminte sian ebrion, aperis antaŭ li por ekscii, kia pento atendas lin. — Ĉu vi povas denove prezenti ian novan senkulpigon?!

Li jam estis scivola, kiamaniere klopodos pravigi patro Polikarpo sian nepravigeblan konduton, kiu ĉe neniu estis pli n e k o m p r e n e b l a ol ĝuste ĉe tiu apostolo, kiu per sia tuta elokvento, dum sia tuta vivo luktis konstante kontraŭ la alkoholo.

— Pro scienc-soifo mi trinkis — improvizis la sindefendon patro Polikarpo. — La alkoholo estas sendube veneno, sed la scienco povas mildigi ankaŭ la venenon je medikamento, per la necesa dozado. Ĉar ĉio estas donaco de Dio. Ankaŭ la venenon li donas tial ke ni ĝin ekkonu, ŝanĝu je medikamento kaj uzu por nia utilo. Mi trinkis por akiri sperton, por rekoni, kiu estas tiu dozo, kiu la venenon de l'alkoholo nobligas je medikamento, sed bedaŭrinde mi eraris pri la dozado.

— Vi mensogas, fripono! — kriis la prioro. — Ne la sciencon vi soifis, sed la ebrion donitan de la drinko! Sed vi ja ne evitos la merititan punon, ĉar jen, por semajno mi malpermesas al vi ĉiuspecan viand-manĝaĵon!

Bedaŭrinde ankaŭ ĉi tiu severa puno ne pliboniĝis patron Polikarpon. Apenaŭ li finis sian kvaran predikon, en kiu li eksplikis per brilegaj vortoj ke nur tiuj povas pretendi tiel same la ĉielan, kiel la teran feliĉon, kiuj perfekte povas sin reteni de la ĝuo de l' alkoholo, eĉ de la ĝuo de plej malmulte da alkoholo — li denove ebriiĝis horizontala.

Sed ĉi tiun fojon sub la tablo li diris ke li estas sincera porko, oni do lasu lin en paco.

Kaj ĝis mateno li gruntis; certe li imagis ke li kuŝas en koto.

La prioro nun jam tre koleris.

— Mi volus scii, — li diris kiam patro Polikarpo hontante eniris al li por peti pardonon kaj indulgon, — ĉu vi trovos ankaŭ nun ian novan pretekston?!... Kial vi drinkis denove?!... Ĉu vi povus diri?

Patro Polikarpo ekgratis la tegmenton de sia cerbo, sed nun jam nenian novan pretekston li povis elgrati de tie.

Tiom longe li serĉis la respondon ke la prioro ripetis la demandon:

— Kial vi drinkis?

En la voĉo de l' prioro estis tiom da minaco ke en patro Polikarpo subite vekiĝis granda decido. Se oni ne trovas akcepteblan mensogon, nenio estas pli saĝa ol esti sincera.

Li fermis la okulojn kaj kun malespera aŭdaco li respondis:

— Ĉar drinki estas bone.

La prioro opiniis ke li ne aŭdas bone.

— Kion vi diris?

Sed la kredo de patro Polikarpo estis forta kaj se li jam komencis, do li konfesis plene.

— Ĉar drinki estas bone — li ripetis. — La vino estas donaco de Dio kaj mi ne estas la unua kiu respektas ĉi tiun donacon. Ankaŭ Noe trovis bona la vinon, tamen li trovis pardonon antaŭ Dio. Kaj se ĝi estas bona, ĝi ne povas esti destinita por tio ke ĝi restu neuzata. Se la malsaĝuloj ne bezonas ĝin, se ekzistas kiuj lasas ĝin kie ĝi estas, senkompate: mi trinkas ĝin pro kompato. Aŭ ĉu aliaj ĝuu ĝin? Ĉu la kulpaj? Aŭ eble la senkreduloj? Kial ne ĝuu ĝin mi, la bonkredulo?

— Kaj *vi* diras tion ĉi, — indignis la prioro — vi, kiu per tiel belaj predikoj kondamnis la drinkemon?!

— Mi kondamnas la drinkemon ankaŭ nun — respondis patro Polikarpo kuraĝe. — Sed la vero estas Dia kaj la homo estas falema. Kaj mia falemo havas tiun senkulpigon ke, kiel ajn falema mi estas, tamen mi batalas por la vero. Eĉ se mi mem falas, tamen per mia tuta forto mi klopodas ke almenaŭ aliulojn mi retenu de la enkulpiĝo, ke almenaŭ al aliuloj mi malfermu la okulojn kaj klarigu al la senspertuloj, en kian damnon kondukas la drinko. Jam sole pro tio mi meritas la vinon. Ĉar la vino estas kelkfoje la armilo de la satano per kiu li logas la malfortulon en kulpon kaj damnon, sed la vino propre tamen, en ĝia boneco, estas donaco de Dio, per kiu Li rekompencas la batalanton de vero, la fervorulon de bono, la pur-animulon kaj la moderulon.

— Vi mem diris ke la modera trinko ankoraŭ pli certe muelas la homon ol la sporada eksceso.

— Ĝi ne muelas. Aŭ almenaŭ ĝi ne muelas pli ol aliaĵo... Ĉar jen, la tuta vivo senĉese muelas nin. Kaj ĉi tion mi diris nur tial, ke la homoj ne ekscesu; kaj se mi diras ke ankaŭ la modera drinko estas peko, tiam ili kontentiĝos per la modereco.

La prioro enpensiĝis.

— Do iru — li diris poste — kaj anoncu vian veron! Eble ankaŭ via peko estas la destino de l' providenco... Eble ĝi estas nur por tio ke per tiom pli granda kapablo vi povu laŭdi la virton kaj teni for de aliuloj la malbonon... Ĉiuokaze vi forpentos iom el via kulpo, se — kiel ajn falema vi estas — bonefike vi povas anonci la virton, la sinretenon de la ĝuoj, la scion toleri, rezigni kaj malhavi, kiu estas la fonto de ĉiu vivo kaj sano!

Kaj patro Polikarpo oratoris ankaŭ plu kun tia vervo, tiom da entuziasmo, per tiel elokventaj vortoj kontraŭ la alkoholo, kun tia efiko, tia sukceso li predikis la akvon, nur la akvon!... ke baldaŭ li povis fondi la unuan antialkoholistan federacion, la „Societon de Nepraj Abstemiuloj."

El la hungara: *Karlo Bodó*



# LA KANTO DE L'NAJTINGALO

GABRIELE D'ANNUNZIO

La najtingalo kantis. Komence tio estis kvazaŭ eksplodo de melodia ĝojego, elĵeto de facilaj triloj kiuj falis en la aeron sonante kiel perloj resaltantaj sur harmonian vitraron.

Sekvis paŭzo.

Gorĝtrilo leviĝis, facila, eksterordinare daŭra kvazaŭ por fortopruvo, pro memfida fortmovo, pro ekscitiĝo pri nekonata rivalo.

Dua paŭzo.

Trinota temo, demandosenta, trapasis katenon de delikataj variacioj, ripetante kvin-sesfoje la demandeton, kvazaŭ modulite per kanfluteto, per paŝtista ŝalmo.

Tria paŭzo.

La kanto fariĝis elegia, disvolviĝis monotone, dolĉiĝis kiel sopiro, malfortiĝis kvazaŭ ĝeme, esprimis la malĝojon de soleca amanto, malĝojan deziron, varman atendon, elĵetis finan alvokon, subitan, akran kiel fortdolora ekkrio; estingiĝis.

Alia paŭzo pli longa.

Aŭdiĝis tiam monotona kantsono, ŝajne ne elirinta de l' sama gorĝeto, tiom humila, timema, plora ĝi estis; tiom ĝi similis la ĉip-ĉipon de ĵus eloviĝintaj birdetoj, paserinan pepadon; poste, per mirinda elturniĝo, tiu naiva akcento ŝanĝiĝis en progresantan ĉiam pli rapidan notserion kiu brilis per alta trilado, vibris en puraj gorĝkantoj, fleksiĝis en maltimajn nottrairojn, malpliiĝis, kresĉendis, atingis sopranajn altecojn.

La boskpoeto ebriiĝis per sia kanto.

Kun paŭzoj tiom mallongaj ke la notoj ne finis sian estingiĝon, ĝi elverŝis sian ebriegon en ĉiam variantan melodion, pasian kaj dolĉan, mallaŭtan kaj sonoran, facilan kaj profundan, interrompite jen de raŭkaj ĝemoj, jen de plendaj plorpetoj, jen de neatenditaj lirikaj fortmovoj, de lastaj alpreĝoj

Ŝajnis kvazaŭ la ĝardeno ĝin aŭskultus, la ĉielo kliniĝus al la melankolia arbo, de kies pinto poeto nevidebla elverŝis tiajn poeziajn ondojn. La ĝardena floraro havis profundan sed silentan spiradon.

Kelkaj flavaj lumbriloj malfruis okcidente kaj tiu lasta rigardo de l' tago estis dolora, kvazaŭ funebra. Sed stelo ekaperis tutviva, tremetanta kiel luma rosguto.

El la itala: *Teo H. Rok'*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

PAULO VARSÁNYI: LA ITALA ARTO. VENECIAJ SKOLOJ

(Daŭrigo*)

Oni multfoje deklaris, ke *Savonarola* malutilis la liberan evoluadon de l' arto. Oni nomis lin „tombisto de l' arto", forgesante, ke, male, la arto ŝuldas al li grandan dankon. Ĉar li malkovris por la arto fontojn, ĝis tiam nekonatajn. Li montris vojojn al la plejinterno de l' homa animo kaj la arto ekiris laŭ la signoj donitaj de li. La liberan evoluadon li do ne malhelpis, sed li konsciigis la dormetantajn individuajn trajtojn je pli profunda kaj pli vera naturpercepto ol la nura naturalismo. Liaj artaj principoj, ĝermintaj en la transspiritiĝo de l' religia fanatismo, ne restis senefikaj kaj ili estas pruveblaj en verkoj de multaj pentristoj de tiu epoko. Liaj tendencoj belege realiĝis en la pentrista genio de l' Renesanco: *Lionardo da Vinci*, kies verkoj mem estas psikologiaj enigmoj.

Savonarola finis sian vivon sur ŝtiparo, sur la *Piazza della Signoria* en *Firenze*. Post lia morto reviviĝis la ekzilita vivĝojo. Denove regis la senĝena plezuro, oni denove rerigardis al la greka orepoko, enspirante la aeron de l' mitoj, avide ĝuante la erotikajn historiojn de l' dioj. Senseco kaj senreligieco estas la ĉefaj trajtoj de la Italio de l' XVI-a centjaro. *Luther* profunde indigniĝis pro la tieaj cirkonstancoj: „Se ni estus devigataj — diras la italoj — sekvi en ĉio la vorton de Dio, ni estus la plej mizeraj homoj de l' mondo kaj neniam havus eĉ unu gajan minuton. Oni faru pian mienon, sed oni ne devas kredi ĉion".

*

La brila kolorigo ĉiam estis eminenta trajto de l' veneciaj artistoj. *Giovanni Bellini*, kvankam li jam montras iom pitoreskan koncepton, ankoraŭ ne povis atingi la veran, koloran prezentadon, ĉar en liaj bildoj la desegnaj elementoj estis ankoraŭ en plimulto. La plenan harmonion efektivigis liaj grandnombraj disĉiploj.

*Giorgio da Castelfranco* (1477—1510), kun *Palma* kaj *Tiziano*, devenas el la skolo de Giov. Bellini. Lia efektiva nomo estis *Giorgio Barbarelli*, *Giorgione* (granda Georgo) estas artistnomo donita de la admirantaj samtempanoj. En la Castelfranco'a preĝejo *S. Liberale* — kie li estas enterigita — super la ĉefaltaro estas videbla la ĉefverko de lia vivo: „Madono kun St. Liberale kaj St. Francisco". Ĉi tiu bildo videble estas senpera daŭrigo de l' Bellini'aj tradicioj kaj ĝi nemulte diferencas de liaj *„Santa Conversazione"*. Maria, sur alta piedestalo, tenas la etan Jesuon; sube, maldekstre staras la junvizaĝa St. Liberale en kiraso, kaj dekstre St. Francisco en bruna kapuĉo. La vizaĝoj de l' sanktuloj montras silentan ekstazon; Maria rigardas kun mildaj, revaj okuloj. La malantaŭa pejzaĝo de Castelfranco, bananta sin en la ora brilo de l' mortanta suno, formas poezie harmonian fonon. La tutan bildon vualas ia mistikeco, ia melankolio, kvazaŭ sopiro.

Sur la dorsflanko de l' bildo estas videblaj la vortoj: „Mia kara *Cecilia*, venu, rapidu, vin atendas via *Giorgio*". Laŭ la priskribo de *Vasari*, Giorgione avide sin donis al la ĝojoj de l' amo. Dum silentaj, lunlumaj noktoj, kiel amanta kavaliro, li vagadis tra stratoj kaj kantis mildajn serenadojn sub fenestroj de belulinoj. La sorto portis en lian vivon la ĉarman figuron de Cecilia kaj ŝi iĝis lia muzo, la revanta *Madono de Castelfranco*.

* Komenco en la aprila n-o de l' pasinta jaro.

Giorgione okupis sin pleje pri freskopentrado. Sed liaj bildoj detruiĝis pro la sala mara haladzo de Venecio jam en la XVI-a centjaro. La nombro de liaj olepentraĵoj estis tre malgranda kaj el ili estas tre malmultaj la aŭtentikaj bildoj. La moderna artkritiko, post longaj pridiskutoj, unuvoĉe akceptis nur kvin, kiuj estas la jenaj: 1. „Madono kun St. Liberale kaj St. Francisco, pentrita ĉ. 1504 por *Tuzio Constanzo*, kondotiero; nun en la *Castelfranco'a* preĝejo *St. Liberale.* 2. Laŭ temo nesolvebla bildo, nomita „Ventega pejzaĝo" aŭ — laŭ aliuloj — „*Familio de Giorgione*"; nun en Venecio: Pinakoteko *Giovanelli.* 3. „Kampa koncerto"; nun en *Firenze: Pinakoteko Pitti.* 4. „*Aeneas, Evander kaj Pallas*" aŭ — laŭ aliuloj — „Orientaj saĝuloj"; Vieno: Arthistoria Muzeo. 5. „*Venus*"; Dresden: Pinakoteko.

La enhavo de l' „Ventega pejzaĝo" estas necerta. Sed ĝia temo estas por ni tute indiferenta. Nin interesas nur la psikaj trajtoj de l' bildo; psike — kiel ĉiuj majstroverkoj — ĉi tiu bildo estas perceptebla nur en inspirita animstato, ĝi vekas en ni tiel delikatan teksaĵon de sentoj, kiu — kiel la misteraĵoj — ne estas esprimebla per vortoj. Ĝi estas kvazaŭ pordo, tra kiu aperas antaŭ ni nova mondo de artisto, rifuĝinta el la ĉiutaga vivo. Ĉi tiu nova mondo estis vivbezono de lia animo kaj lia tuta vivenhavo. Giorgione ne estis nura sekvanto de skolaj tradicioj sed artisto serĉanta siajn proprajn individuajn trajtojn. Ĉi tiuj trajtoj estas facile rekoneblaj en liaj bildoj kaj la enhavo de ĉiuj estas la sama: mistikaj sentoj, forflugantaj emocioj de ĉiam serĉanta kaj neniam kontentigita artista animo. La absoluta harmonio estis kion li serĉis kaj liaj bildoj estas enkorpiĝintaj variacioj de la mondo de l' absoluta harmonio, prisonĝita de li en melankolia nostalgio. Liaj figuroj estas sinforgese senmovaj, vivantaj en lando de sonĝoj kaj kvazaŭ fandiĝintaj en la travivo de ia supertera sento: en ili la animo de l' artisto mem revadas.

La Viena bildo montras al ni la saman vivpercepton. Laŭ nova vidpunkto, ĝi figuras la viziton de *Aeneas* ĉe *Evander*. Sendube aŭtentika lia bildo estas la „*Venus*" en la *Dresden'a* pinakoteko. Ĝian pejzaĝan fonon pretigis *Tiziano*. Pli poezie idealigitan bildon de virina korpo pentristo ankoraŭ ne povis krei. Krom la supraj bildoj ni havas gravuraĵan kopion el la XVII-a centjaro pri unu el liaj perdiĝintaj bildoj nome „Ektrovo de Paris", de *T.* van *Kessel.* Peco de olea kopio samtempa kun ĝi estas videbla en la *Muzeo* de l' *Belaj Artoj* de *Budapest,* kaj ĝi montras du paŝtistojn. Giorgione donis novan spiriton al la venecia arto. Liaj samtempanoj ĉirkaŭis lin kun granda admiro. Lia afiko je la veneciaj pentristoj estis tre fruktodona. Li postlasis du disĉiplojn, kiuj iĝis la plej eminentaj sekvantoj de lia arto: *Sebastiano del Piombo* kaj *Tiziano-Vecellio.*

---

# MARSELJEZO

## LEONIDAS ANDREJEV



Li estis malnoblulo: leporanimo kaj senhonta pacienco de laborbruto. Kiam la sorto moke kaj malice ĵetis lin en niajn nigrajn vicojn, ni ridadis kvazaŭ frenezuloj: ja ofte okazas tiaj ridindaj, tiaj sensencaj eraroj. Sed li — li, kompreneble, ploris. Dum la tuta vivo mi neniam renkontis homon, kiu havus pli multajn larmojn, kaj ili fluadis tiel volonte el la okuloj, el la nazo, el la buŝo. Kvazaŭ spongo — trasorbiĝinta per akvo kaj premita en pugno. Ankaŭ en niaj vicoj mi vidis plorantajn virojn, sed iliaj larmoj estis — fajro, de kiu ĉiam forkuris sovaĝaj bestoj. Pro ĉi tiuj viraj larmoj maljuniĝis la vizaĝo kaj la okuloj estis junigitaj: kiel lafo, eligita el ardanta interno de l' tero, ili bruligis neforviŝeblajn postsignojn kaj enterigis sub si tutajn urbojn de malnoblaj deziroj kaj bagatelaj zorgoj. Sed se tiu ĉi homo ploras, ruĝiĝas la nazo kaj la tuko estas malsekigita. Verŝajne, li sekigis ĝin poste sur ŝnuroj, alie de kie li povis preni tiom da naztukoj?

Dum ĉiuj tagoj de l' ekzilo li iradis al estroj, al ĉiuj estroj, kiaj nur estis kaj kiuj estis por li elpenseblaj, salutis, ploris, ĵuris je sia senkulpeco, petegis kompati lian junecon, promesis dumvive ne malfermi buŝon, eble nur por petegoj kaj laŭddiroj. Sed ili mokis lin, kiel ni, kaj nomaĉis lin „malgranda malfeliĉa porko", kriante al li:

— Hej vi, malgranda porko.

Kaj li obee kuris je alvoko: ĉiufoje pensante ekaŭdi sciigojn pri reveno al la patrujo, sed ili nur ŝercis. Ili, samkiel ni, sciis pri lia senkulpeco, sed deziris, turmentante lin, timigi aliajn malgrandajn porkojn, — kvazaŭ ili ankoraŭ ne estus sufiĉe malkuraĝemaj!

Besta timo je soleco pelis lin al ni, sed severaj kaj senesprimaj estis niaj vizaĝoj kaj senrezulte li serĉis ŝlosilon. Li ofte nomis nin karaj kamaradoj kaj amikoj, sed balancante la kapon ni diris:

— Gardu vin: oni vin ekaŭdos.

Kaj li rigardis la pordon, ĉi malgranda porko. Nu, ĉu efektive estis konservebla la seriozeco!

Ni ridadis per voĉoj malkutimigitaj al rido, kaj li, kuraĝigite kaj ĝojigite, alsidiĝis pli proksime kaj rakontis, kaj ploris pri siaj ŝatataj libretoj, lasitaj sur tablo, pri sia panjo kaj frateto, pri kiuj li ne sciis, ĉu ili vivas aŭ jam mortis pro timo kaj ĉagreno.

Fine ni forpelis lin.

Kiam komenciĝis malsatstriko, timego lin ekposedis — neesprimeble komika timego. Ja li ŝatas manĝi, kompatinda porko, kaj li timegis la karajn kamaradojn kaj tre timis le estrojn: distrite li vagadis inter ni kaj ofte viŝis per tuko sian frunton, sur kiu eliĝis io — larmoj aŭ ŝvito. Kaj malcerte li demandis min:

— Ĉu vi longe malsatstrikos?

— Longe, — severe mi respondis.

— Ĉu sekrete vi nenion manĝos?

— Panjo sendados al ni kuketojn, — serioze konsentis mi.

Li malfide rigardis min, balancis la kapon, kaj, ĝemspirinte, foriris. Sekvintan tagon li, verda pro timo kvazaŭ papago, anoncis:

— Karaj kamaradoj! Mi ankaŭ kun vi ne manĝos. Kaj estis kolektiva respondo:

— Malsatu sola.

Kaj li ne manĝis! Ni ne kredis; samkiel vi, ni pensis, ke li ion sekrete manĝas, kaj same pensis la gardistoj. Kiam fine pro la malsatstriko li malsaniĝis je malsattifo, ni nur eklevis la ŝultrojn: kompatinda, malgranda porko! Sed unu el ni — tiu, kiu neniam ridis, malgaje ekparolis:

— Li estas nia kamarado. Ni iru al li.

Li deliris, kaj kompatinda, kiel tuta lia vivo, estis ankaŭ ĉi tiu sensenca deliro. Pri siaj ŝatataj libretoj li parolis, pri panjo kaj frateto; li petis kuketojn, — malvarmajn kiel glacio, bongustajn kuketojn, kaj ĵuris ke li estas senkulpa, petante pardonon. Kaj la patrujon li vokis, vokis la karan Francion.

— Ho, estu malbenita la malforta homkoro.

Li animon ŝiradis, vokante: kara Francio! Ni ĉiuj ĉeestis en la ĉambro, kiam li agoniis. La konscio revenis al li nur antaŭ la morto, kaj silente li kuŝis, tiel malgranda, malforta, kaj silente ni, liaj kamaradoj, staris. Kaj ni ĉiuj, senescepte estis aŭdintaj kiam li diris:

— Se mi mortos, ekkantu la „Marseljezon".

— Kion vi diras! — ekkriis ni, tremante pro ĝojo kaj ekscitita kolero. Kaj li ripetis:

— Se mi mortos, ekkantu la „Marseljezon".

— Kaj la unuan fojon okazis, ke liaj okuloj estis sekaj, sed ni — ni ploris, ploris ĉiuj senescepte, kaj kiel fajro, de kiu forkuras bestoj, brulis niaj larmoj.

Li mortis, kaj ni kantis la „Marseljezon". Per junaj kaj fortaj voĉoj ni kantis la famekonatan kanton de l' libero, kaj minace akompanis nin la oceano, portante la karan Francion sur siaj ondsupraĵoj, palan timegon kaj sange-ruĝan esperon. Por ĉiam li restis nia signo, — ĉi tiu malnoblulo kun karno de leporo kaj laborbruto — kaj kun granda animo de homo.

Genustaru kamaradoj kaj amikoj antaŭ heroo! Ni kantis. Nin rigardis pafiloj, minace tintadis iliaj ĉanoj kaj akraj pikiloj de bajonetoj etendiĝis al niaj koroj, — sed pli laŭte, pli ĝoje sonis la minaca kanto, en delikataj manoj de batalantoj malrapide balanciĝis nigra ĉerko.

Ni kantis la „Marseljezon"!

*El la rusa: H. Halpern*

---

## ĈU REMEMORI?

**(ELEGIO)**

Ĉu rememori? . . . Ha! vi estis rave bela,
Mi estis juna kaj ne timis la estonton.
Sub sonoj de muzik' en salonego hela
Memoras mi unuan nian ekrenkonton.

Ridadi, gaji, danci tuj ni ekforgesis,
La mano en la man' ni pie nin izolis,
La tutan mondon rimarkadi ĉesis
Kaj vivi la antaŭan vivon plu ne volis . . .

Dekjaroj pasis. Ŝajnis nur momento.
Nun niaj idoj, kiel ni, kun rido dancas . . .
Ĉu ili spertos pri la nova viv' kaj sento?
Aŭ ĉion, kiel ni, ripeti pupe ŝancas?

Demandi rajtas ni, sentante nian finon,
Kaj serĉas en okuloj de l' infan', konsolon:
Ĉu tie ĉi plenumas ian ni destinon?
Sed se l' viv' estas fum', por kio ludi rolon . . .

*M. Soloviev*

## STELDANCADO

**K. D. BALMONT**

I.

Baĵú— baĵú— baĵú— baĵú—
Mi aŭdas kanton emocian.
Mi kaŝos pensojn de l'enu'.
Doloron sorĉos mi konscian.
Trovita mia stel' en blu',
Per ĝi mi trovis harpon mian.
Baĵu— baĵu— baĵu— baĵu—

II.

Flamon hele
Jen funele
Montras mi.
Mi bruliĝas,
Estingiĝas
Tie ĉi.

Mi — instiga
Kaj gajiga
Meteor' —
Ludas kante
Kaj kredante
En la hor'.

Estis brila
Fajrflugila
Luma fort'.
Ĉion multe
Kaj tumulte
Prenis mort'.

Multo estos,
Kio restos
Sen memor'.
Flugu horo
Kun sonoro
Al la hor'.

En radio
Kaj pasio
Estas lim',
Planedara
Kaj senbara
Malproksim'.

Je momento
Mi en vento
Flugos jen.
Mi min klinas,
Iluminas
En maten'

Gajan flamon,
Gemornamon
Faros mi,
Kaj rubene
Brilos jene
La glaci'.

Flugas horo
De l'aŭroro
Per ruĝond',
Tondro bolas:
Mi parolas
Super mond'.

Fulmekbato:
En boato
Naĝos mi,
Nun mi festas,
Fakta estas
Sonĝebri'.

Mi — nur ido
Kun la rido,
Juna ĝu'.
Dum mi sonas,
Ne rekonas
Min vi, ĉu?

III.

Sun' ekbrulis. Glavo estas la radi'.
Sur ĉevalo flugas, flugas, flugas mi.

Step'tintanta. Mankas domo sur eben'.
Birdojn volas vi? Tre multaj birdoj jen.

Ĉu kolera besto vokas en sovaĝ'?
Kuru kontraŭ ĝi! Antaŭen kun kuraĝ'!

Mia fajrĉeval'. Egalas kiu ĝin?
Tra mallum' velura ĝi traportis min.

Vidas longen ĝi. Kaj gardas per orel'.
Kiel viv' kurante, portas min sur sel'.

Mia konĉevalo. Brido: la radi'.
Ne faletos, ho, neniam falos ĝi.

Kien mi kun la ĉeval'? Silentu dir'!
Tutan stepon koni estas la dezir'.

IV.

Ah, longegaj kiom estas tiuj ombroj. Kurbaj. Strabaj. Sen finaj!
Estis longaj. Jam pli longaj. Pli mallumaj. Ne videbla la vizaĝ'.
Estis suno. Brulis arde. Ruĝaglobe ĝi forrulis en la volv'!
Ĉu jam ĉio? Hufsonoro. Piedbatoj. Vojo longa en la polv'!
Ah, ĝemplendas kiom vento. Polvon portas. Polvon tordas en la bul'
Kiom ili, la polveroj. Ĉu kalkuli? Tro terura la kalkul'.
Mi veturas. Kiu? Kio? Kie? Vagas la rigardo tra eben'.
Mi min vidas elinterne kaj ne scias, ĉu mi estas tie jen.
Stranga fajfo flugas supre. Eretaroj Apenaŭa eta glit'. [rilo. Lit'.
Murmuret! Susur'! Bordero. Vok'!. Ripoz'! Rifuĝo. Dorm'. Kov-
Kie? Kio mi? Ĉevalo mia blanka. Mi en neĝ! Ah, lasu min.
En senbordo En senfundo. En lumaĵo. Mi endormas. Dronas. Fundo.
Estas fin.

V.

Serpenton en ĉiela blu'
Konstelacioj faris ĉene
Laŭ spac' de l'Vivoevolu'.
Vualoj kiaj jen ebene
Trankvilas en jarcenta flu'.
Kaj steloj spiras senĉagrene;
Baju — baju — baju — baju.

El la rusa: *N. NEKRASOV*

# BIBLIOGRAFIO

## NOVA SENTO

Jen titolo de originala romano. La aŭtoro kaŝas sin sub la pseŭdonimo Tagulo. La verko aperis dum la milito, antaŭ dek jaroj, ĉe la Brita Esp. Asocio, rapide elvendiĝis kaj apenaŭ estas konata en niaj rondoj. Kvankam la verko meritus vastan konatecon, ĉar laŭ formo kaj enhavo ĝi havas vere frapantan originalecon.

Jen, resume, la enhavo de ĉi tiu „filozofia romano".

En la komenco de la romano ni trovas nin en Londono, kie la vivon de la malriĉaj senlaboruloj la aŭtoro pentras per realismaj koloroj. Nun okazas neatendita afero, kometo flugas en nian sunsistemon kaj faras grandajn konfuzojn inter la planedoj. La heroo de la romano veturas per aviadilo kun sia amiko ĝuste kiam la Marso tre alproksimiĝis la Teron. Li akcidentas, perdas sian konscion kaj regajnas ĝin — sur la Marso. Okazis reenkarniĝo, kutima al la Marsanoj. Ili scias ĉion pri la Tera vivo, disponas pri mirindaj spiritaj kapabloj kaj vivas en granda harmonio. Ili instruas al nia heroo la Marsan lingvon kaj petas lin ke li priskribu sian Teran vivon. Tiamaniere la verkinto havas okazon pripentri la Marsan socion, tio estas, la perfektan socion. En la maniero de B. Shaw (interese estas, ke ĉi tiu romano, simila al la romano de Shaw: Portretoj de Dio, pretiĝis multe pli antaŭe) ni vidas la kontrastojn, ofte tre akrajn, de nia malperfekta socio, projekciitajn sur la ideala tolo de tiu perfekta, Marsa socio. Oni plurfoje povus kontraŭdiri la opiniojn de la verkisto, sed ne eble nei lian originalecon. Post longa meditado pri la Marsa socio, nia aviadisto retrovas sian ŝajne perditan amikon, reenkarniĝintan, strange, en virina formo. Ili geedziĝas. Fino de l'historio.

La romano de s-ro Tagulo estas nekontesteble *tendenca* romano; li uzas la formon de romano por propagi siajn ideojn. La forta flanko de la romano estas ne ĝuste la temo, sed la maniero kaj formo, la pensoj kaj citaĵoj de l'aŭtoro. La libro diferencas de la aliaj libroj ankaŭ laŭ la eksteraĵo. Ĝi estas presita sur paleverda papero per brunaj literoj. La verdeta papero estas tre agrabla al la okuloj, sed literojn mi preferus nigrajn. La interesaj desegnaĵoj estas faritaj de la aŭtoro mem.

Teozofia estas la karaktero de la libro, ĝiajn enhavon, formon, pensojn determinis la teozofiemo de l'aŭtoro. Eĉ se ne ĉiu povas akcepti senrezerve la tutan tendencon kaj ĉiun lian penson, la libro, pro sia interesa, nobla enhavo kaj bona stilo meritus esti konata en kiel eble plej vasta rondo.

Sinjoro Tagulo estas Londonano. Dum mia restado tie, mi havis okazon informiĝi pri lia personeco. Mi ne miris eksciinte ke li estas arkitekto, oni povas tion diveni el la detalaj priskriboj de la Marsaj konstruaĵoj. La Marsanoj konstruas ĉion el sukcena materialo, sen anguloj, en tre estetikaj, simetriaj formoj. Pureco, beleco, simpleco, jen la sankta triunuo de la moderna arkitekturo, kiu manifestiĝas per la plumo de moderna arkitekto en ĉi tiu fantazia verko.

Kaj mi ne miris, ke la aŭtoro estas liberpensulo, teozofiano kaj pacifisto. Mi ne miris, ke li estas solema, enpensiĝema, kiu sidas ofte longan tempon, nenion dirante, droninte en meditado, fiksante revan rigardon al la ĉielaj bluoj senlimaj. Ĉion ĉi bone montras lia reva verko, en kiu li donacis al ni la belajn iluziojn kaj kuraĝajn fantaziojn de sia animo.

*La „Nova Sento" meritus represon.* *Jozefo Major*

## SHAKESPEARE: LA TRAGEDIO DE REĜO LEAR.

El la angla: A. L. Curry kaj A. J. Ashley. Huddersfield. Yorkshire. Anglujo.

La tragedio mem? Ĉiu konas ĝin, la tragedion de grandioza maljunulo, kiu fariĝis viktimo de sia eraro. Li abdikas pri siaj rajtoj kaj li fariĝas senrajtulo, li fidas je vortoj kaj la vortoj trompas lin. Kaj sur ĉi tiu fundamento stariĝas inkube kolosa konstruaĵo, problemo de patro kaj infano. Patro batalas kontraŭ filinoj, alia patro kontraŭ filo kaj ĉi tiu paralela batalo, grandiĝante je superhomaj dimensioj, tremigas la teron per siaj eksplodoj teruraj, per sia animkatenanta furoro. En ĉiu sceno sekvas nova, pli terura teruraĵo, kvazaŭ montoj ĵetitaj sur montojn, ĝis fine la tuta scenejo estas fajrovoma vulkaninsulo, kie devos perei ĉiu vivanta estaĵo.

Ho kiel malforta estas tiu ĉi priskribo!

Kaj la traduko? Ĝi estis certe granda kaj malfacila laboro. Kaj tre kuraĝa entrepreno. Oni nepre devas rekoni ĉi tiun kuraĝon, sed pri ĝia sukceso oni apenaŭ povus uzi la vortojn de senrezerva rekono.

Ofte ni diras kaj aŭdas, ke Esperanto estas vivanta lingvo. Kaj tio ja estas vera. Tio signifas ke Esperanto havas sian propran spiriton, kaj gramatike senerara lingvaĵo povas impresi strange, nenature, peze, fremdmaniere, se ĉi tiu spirito mankas. Malfacile estas diri kio estas tiu ĉi spirito, sed facile estas rimarki ĝian mankon per tio ke dum lego oni devas atenti ne pri la arta enhavo, sed pri la klara kompreno de la frazoj, ke oni estas ofte haltigata per *ne konvene uzata vorto*, ke oni ofte rimarkas: jen, mi legas en *artefarita* lingvo. Granda ekzerco, funda studo de la klasikaj Esperantaj verkoj, vigla sento pri la logiko kaj gusto de la lingvo, sagaco, sprito, eltrovemo kaj ama pacienco necesas por tio ke tradukante oni povu kontraŭstari la tentantan spiriton de la nacia lingvo kaj tamen reprodukti ĉiun stilspecialaĵon per Esperanta ekvivalento aŭ per ĝenerale komprenebla, sed tamen frapanta kaj "suka" esprimo. La Esperanta tradukanto havas ĉi rilate multe pli malfacilan taskon ol la nacilingva. Li ne ĉiam povas preni el preta materialo, ĝin ofte li devas krei mem, aŭ denovre eltrovi, ĉar ne ekzistas ankoraŭ kompletaj esprimvortaroj enhavantaj ĉiujn solvojn, jam uzitajn per nacilingvaj esprimoj.

La tragedioj de Shakespeare estas plenaj de tiaj sukaj esprimoj, laŭproverbaj diroj, vortludoj. Oni ja povas traduki ilin laŭvorte (tion nur angloj komprenos), diri, per simplaj vortoj, nur ilian enhavon (tio estas kruela senspicigo de la teksto), klarigi ilin en noto (tio forprenas la tutan artan efekton). Kaj oni povas apliki la supran metodon. (Tio estas grandioza pliriĉigo de nia esprimvortaro).

Ĉi tiun lastan metodon, bedaŭrinde, la tradukintoj plej malofte uzis. Oni apenaŭ povus fari riĉan liston el „fine trovitaj" esprimoj.

Sed eble ni postulas tro multe.

Tamen, ne. Tia ĉefverko devigas la tradukanton. Ĝin ja bezonas propre ne la *legantoj* (ili povas ĝin legi en bonaj naciaj tradukoj) sed la *lingvo* mem por pliriĉiĝo.

Rilate lingvajn detalojn mi notis superfluajn artikolojn, superfluan „vi" apud ordona verbo, „mi ne kun li parolos" (kun kiu do?) anstataŭ „kun li mi ne parolos", „farigi" anst. „fari" kaj aliajn kiujn mi multfoje jam riproĉis kaj kiujn ĉiam ripeti estas enue. Sed plej malagrabla estas la mallerta vortordo, kaj stranga frazformado kiuj konfuzas la ekvilibron de la frazoj, devigas nin *kunserĉi* la vortojn kaj la sencon. Kaj ĉi tion ne ĉiam ni sukcesas trovi; malgraŭ ĉia enigmosolva peno restas kaŝita ekzemple la senco de la jenaj frazoj:

„. . . mi ne forvagis
tiel de via amo, kiel vin
aligi kie mi malamas."

„. . . mia bonintenco eble
efektivigos sin ĝis tiu celo.
por trafi kiun mi aspekton propran
forviŝis."

Kaj eble la plej granda enigmo:

„. . . Vere, tio ŝajnas
klimaks' al kiu amas ne malĝojon;
ali', tro pliigante malpliigus
kaj preterekstremiĝus."

Kompreneble ne la tuta teksto estas tia, kelkfoje duonpaĝoj estas legeblaj sen cerbumo. Sed ankaŭ dum ilia lego ni sentas ian distancon inter ni kaj la verko kaj post finlego ni estas iom lacaj pro la mensa laboro, kiun kostis la kompreno de la teksto.

Do, malgraŭ nia laŭdemo kaj ĝojo pri la pliriĉiĝo de nia literaturo ni devas diri, ke la tradukon ni same ne rigardas definitiva solvo kiel la Faŭst-tradukon de R. Barthelmess.

*Kopar.*

## EL DRAMOJ.

Fragmentoj el „Ifigenio en Taŭrido" de Goethe kaj el „La Rabistoj" de Schiller. Tradukis Dro L. L. Zamenhof.

## AMORO KAJ PSIĤE

Lucius Apulejus. Tradukis Emilo Pfeffer. La verkojn eldonis Esperanto-Verlag Ellersiek kaj Borel G. m. b. H. Berlin kaj Drezden. Prezo 0·30 gmk.

La 7-a kaj 12-a numeroj de „Esperanto Biblioteko Internacia" aperis en dua eldono. La reapero donas novan eblecon por la plej vastaj rondoj ekkoni la Zamenhof'an stilon, samtempe ili plenumas utilan servon por propagando de Esperanto per la nomoj de la famaj aŭtoroj. Ni varme rekomendas ambaŭ verketojn al la publiko, kiu legante la interesajn kajerojn profitos veran ĝuon de la altvaloraj literaturaĵoj. *dr-oth*

# LETERKESTO

J. G. C. En la dua numero de nia revuo, sub la rubriko „Disputo“ ni pritraktis la demandon de Esp. ritmo, esperante interesiĝon, viglan diskuton kaj, kiel rezulton, fine ritman unuecon en Esperantujo. Certe vi ne legis tiun artikolon, male vi estus protestinta — aŭ konformiĝinta. Tial ni denove prenas la malnovan temon.

Ritate viajn rimarkojn estas neeble nun respondi tute *detale*, ĉar tio kostus tutan libron. Sed eble per la pritrakto de la t. n. *blanka verso* aŭ dekunusilaba jambo ni povos klarigi iom la aferon. Ĉi tiu versformo troviĝas en tre multaj klasikaj dramoj, inter aliaj en ĉiuj tragedioj de Shakespeare, do estas grave interkonsenti pri ĝia formo, atingi fine *unuecon*. Estas neeble, ke ĉiu tradukanto imitu la ritmoregulojn de sia nacia lingvo en tia tute internacia versformo, oni devas havi por ĝi la Esperantajn regulojn, al kiuj ĉiu tradukanto devas sin teni same, kiel li tenus sin al la reguloj de sia nacilingva ritmiko, se li tradukus el fremda lingvo nacilingven. Ĉar ĉi okaze, ĉu ne, li ne tenus sin al la ritmiko de tiu fremda lingvo, *el* kiu li tradukas.

Kiu metriko estas bona en iu lingvo? Tiu, kiu konvenas al la spirito kaj strukturo de la respektiva lingvo. En Esperanto ekzemple tute ne taŭgus la greko-romanaj ritmoreguloj, kiuj mezuras la longon de vokalo laŭ la nombro de la postsekvantaj konsonantoj. Laŭ ĉi tiu ritmiko la ritma skemo de „tondradi“ estus: — ◡ —. Sed en Esperanto la akcentado estas tiel forta, ke ĝi forviŝas ĉiun alian konsideron. Do la ritma skemo de la supra vorto estas: ◡ — ◡.

Tradukante el la latina, ni do ne povas uzi ĝian ritmikon, ni tradukas per Esperanta ritmiko, laŭ kiu anstataŭ *longa* ni prenas *akcentan*, anstataŭ *mallonga* ni prenas *senakcentan* silabon. Sed same ni ne povas uzi la metrikon de aliaj lingvoj, kies karaktero ne estas konforma al tiu de Esperanto.

Sed pri ĉi tio poste.

La blankverso ĉe Zamenhof (en la traduko de Hamlet kaj Ifigenio) sekvas la severan jamban skemon: „Ĝi estas jam afero decidita.“ (Hamlet) „Al viaj ombroj, pintoj moviĝemaj“ (Ifigenio).

Ĉi tiu skemo vere ŝajnas konveni al nia lingvo; la versoj marŝas bele, harmonie, glate, sen akcentkaramboloj. Ĝia sola difekto estas, ke la unua silabo en la verso devas esti ĉiam *senakcenta*, dum la Esp. demandaj, montraj, rilataj pronomoj, starantaj precipe en la komenco de la frazo, estas dusilabaj, kun akcento sur la *unua* silabo. Oni ja povus helpi per inversoj, sed, se sonas tolereble:

„Vi kie estis dum la tuta tago?“:

estus tute nenaturaj, neakcepteblaj.

„Aŭskultas kiu la parolon gravan“,
„Vi venis kiam, mi ne vidis vin.“

La lingva sento batalas ĉi tie kontraŭ la ritma rigoreco. Ĉe Zamenhof feliĉe venkis la unua. Ekzemple:

„Kiun mi vidis jam la duan fojon“ (Hamlet).

Ni vidas, ke en la komenco anstataŭ du jamboj (◡ — /◡ —) staras horiambo (— ◡ ◡ —). Ĉi tio tute ne estas peko, sed deviga konformiĝo al la naturo de nia lingvo. Kaj ĝi estas bela! La anapesta ekkuro (◡ ◡ —) donas elegantan svingon al la verso.

Alia permeso estas, ke ni uzas en la mezo de la verso anstataŭ tri jamboj (◡ — /◡ — /◡ —) du anapestojn (◡ ◡ — /◡ ◡ —).

„Mi vokas nun ilin al granda juĝo“ aŭ:
„Doloro premis la koron kruele“

Sed tiajn ritmoŝanĝojn Zamenhof uzis multe pli malofte. Kaj ilin ja ne altrudas tia nepra neceso, kiel la unuan. Krome Zamenhof uzis ĉiujn tri permesojn nur ĉe vortoj, kiuj havas malpli fortan akcenton (dusilabaj vortoj de la Tabelo, unu, ili, oni, posedaj pronomoj, prepozicioj). Oni povus ilin nomi *duonakcentaj*. Kaj la permeson klarigi ankaŭ tiel, ke ĉi tie la ritmo „ŝvebas“, la skandado paŭzas. Tia skandopaŭzo aŭ ritmoŝvebo povas okazi ĉe la duonakcenta „estas“, se ĝi sekvas akcentitan silabon:

„Sen lim ’estas la faro, kiun volus“ (Ifigenio).

Tamen, precipe en la komenco de la verso, oni povus permesi ankaŭ ĉe plenakcentaj silaboj tiajn anapestajn ekkurojn, ŝpare. Jen la kvar eblajoj:

Leviĝu jambo, per leviĝo via
Puŝu antaŭen ĉiam nian temon.
En via batado enestu truda
Senpacienco, ĝi taŭgas al dramo.

Laŭ mia opinio oni povus konsenti en tio, ke ĉi tiujn kvar eblajojn oni ne rigardas pekoj. Kompreneble oni povas ne uzi la trian kaj kvaran eblajon, se oni preferas pli severan skemon. Ankaŭ mi mem ne volonte uzas ilin.

Kvina eblajo estus ankoraŭ:

„Tra la mondo jam iras voĉ ’triumfa.“

Ĉiuj kvin eblajoj enhavas nur leviĝantajn verspiedojn: jambon, aŭ anapeston. Laŭ mia opinio la blankverso estas nepre leviĝanta versformo, do tiaj versoj, kiuj enhavas malleviĝantajn piedojn (troheon aŭ daktilon) estas nepre malbonaj. Jen:

Regulojn ritmajn havas nia lingvo,
Kiujn respekti devas la poeto.
Lingvon patran neniu do imitu
Tradukante ion en Esperanton,
Ĉar nur samlandanoj povos ĝin ĝui,
Kaj ja ĝuste ne por ili verkas li.

La unuaj du versoj estas bonaj, la postaj fariĝas ĉiam pli malbonaj, ĉar enhavas pli kaj pli da troheoj.

Kaj nun la ĉefafero.

Ritmiko bazita nur je la nombro de silaboj prezentus en Esperanto anarkion. Laŭ ĉi tiu principo ekzemple bona blankverso estus la jena:

„Kares’, kis’, lul’, vart’ ama en sin’ dolĉa“

Ĉu ne terure? Kvankam ĝi ne estas malbonsona. Aŭdu:

„Kareskis, lulvarta’ maensin, dolĉa.“

Do, la verso ne estas malbonsona *en si mem*, sed fariĝas preskaŭ neelparolebla pro la Esp. regulo de akcentado; oni devas difekti sian langon pro la abrupta sinsekvo de akcentoj. Kaj se oni ne akcentas forte, la verson neniu komprenos.

Nun mi revenas al la speciala *karaktero* de Esp. En la naciaj lingvoj ofte sekvas sin, senpere, akcentitaj silaboj, en la ordinara parolo. Tiam oni apenaŭ akcentas, preterglitas tra iu el la silaboj, kiel en Esp. tra la duonakcentaj silaboj.

„Oiseau vert“,
„mon front blême“
„old gentleman“

En la Esp. parolo tia renkonto de akcentoj neniam okazas, ĉar la akcentojn disigas la finaĵoj. Ĉi tio ebligas konstantan fortan akcentadon kaj per tio facilan komprenon. Oni povas ĝin nomi unu el la fundamentaj karakteroj de la lingvo. Do, oni povas ĝin respekti ankaŭ en la poezio. Se ni ne volas *langdifekton* aŭ *nekomprenon*.

Do, mi denove solene deklaras ĉi tie la *fundamentan regulon* de Esperanta versfarado:

*Du akcentitaj silaboj ne estu metitaj senpere unu post la alia.*

Tamen, ne estas regulo sen akcepto. Estas eble, ke la poeto volas havi certan efekton ĝuste per la abrupteco de la verso. Ekzemple:

„Ŝtel’, rab’, murd’, ĉiuj krimoj de l’infero.“

Laŭ mia opinio, ĉi tiuj supre skizitaj reguloj tute ne estas tiel severaj ke oni povus paroli pri la trorigideco de la Esp. versfarado. Iom lerta poeto certe facile sin movas inter iliaj kadroj, kiuj estas ela taj. La merito estu ĝuste: kiom eble malpleje trouzi ilian elastecon.

*Kopar.*

---

# KOREKTO

En la unua numero la presejo kruele elcenzuris kelkajn literojn de du poemoj.

Pĝ. 7a· RESPONDO de *Solovjev*

Linio 7a: Aŭ, povas esti
„ 11a: . . . en mia viv’ aŭtuna
„ 13a: . . . eĉ eraras.

Pĝ 10a: VIZIO SUR LA PONTO de *Kalocsay*

Linio 10a: nun ĉio ĉi estis . . .
„ 12a: aŭ papermaĉaĵaj etaj figuroj . . .
„ 17a: kaj ĝi rulas la akvon . . .
„ 28a: . . . kaj kuŝas . . . la monto . . .
„ 30a: Terurite, malvarmŝvite . . .



## KIU ESTAS LA PLEJ BELA LIBRO EN ESPERANTO?

LA ĜUSTE-
SOLVINTOJ RICEVOS PREMION
LA REZULTO ESTOS
PUBLIKIGATA

# ENIGMO

SENDU VIAN SOLVON ĜIS 31-A DE MARTO AL:
**HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO**
BUDAPEST, VI. KERÜLET, EÖTVÖS-UTCA 3. SZÁM

---

Mi scias, ke la heraldike ornamitan

**INTERNACIAN ESPERANTAN LUDKARTARON,**

per kiu estas ludeblaj la plei multaj konataj kartludoj kaj kiun oni tutmonde kore akceptis,

**NI DEZIRAS FABRIKIGI APARTE EN ĈIU LANDO.**

La enlande fabrikita senimposta

**I. E. L. ESTOS TRE MALKARA.**

Ni serĉas en ĉiu lando

**MEMSTARAN ELDONO-REPREZENTANTON,**

al kiu la aŭtoro

**LUDONAS LA PATENTON.**

Jam la envestaĵo de malmulta sumo

**REZULTIGAS BELAN PROFITON.**

Pli detalan informon donas

**IEL KARTCENTREJO**
**BUDAPEST, HUNGARUJO.**
POSTO 112, KESTO 11.

---

## KVAR PUNKTOJ

instigas nepre aboni al

## Heroldo de Esperanto

Ĝi estas

**Duonsemajna**
**Aktuala Ilustrita**
**Grandformata**



Senpagajn specimenojn petu de la administracio

**Horrem b. Köln, Germanl.**

Reprezentanto en Hungarujo:
**Hungara Esperanto Instituto**
Budapest VI, Eötvös-utca 3

---

## AUSTRIA ESPERANTISTO,

oficiala organo de Aŭstruja Esperanto-Delegitaro. Esperanto-Delegitaro de Wien, Tutmonda Esperantista Ligo fervojista kaj Universala Esperantista Pacifista Ligo, aperas monate kaj informas pri la plej aktualaj ĝeneralinteresaj aferoj de Aŭstrio.

Ke ĝi estas jam tre ŝatata de alilandaj interesuloj, pruvas la abonco el pli ol 20 landoj.

**ABONPREZO SV. FR. 3.50 POR 1925.**

---

*Vi parolas pri centmiloj da Esperantistoj!*

**Pruvu, ke estas almenaŭ dekmil!**

**UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO**
**bezonas dekmil membrojn**

Delegitoj en preskaŭ ĉiuj urboj — **ALIĜU AL U.E.A.!** — Ĉiu Esperanttiso devas esti membro

**CENTRA OFICEJO:**
**12, BOULEVARD DU THÉATRE, GENÈVE**

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró